# BRAZILA ESPERANTISTO

**Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 91ª Jaro - Nº 307 - Junio 1999**


Bibliografioj Esperantaj

Aimola,Hellevi:Suomen esperantokirjallisuuden-
En:Bibliophilos n-ro 2 <70> p.21-40.

Apolloner,Heide:Nia originala prozo.-
eranto-Forlag (1976) 58 p.

Asahiga,N[oboru]:Literaturo en Japana E
1946-1972.Kompilis Asahiga N. kaj Mine
Esperanto-Propaganda Asocio 1973.15 p.

Bibliografi overdansk skönlitteratu oversat
anto.-København:Centra Dana Esperantist L

Bibliografia dell'Esperanto in Italia.En:Rivi
ana di Esperanto vol.1,1962.P.26-32

Bibliografia parto no 1.En:Sur la Bibliographie
Esperanto.Edition francaise.-[Paris:Office Ce
Esperantiste s.j.] 8 p.

Bibliografio de Esperanto.-Paris:Esperantista Cen
Oficejo 1911.94 p.(Esperantista Dokumentaro.17.)

Bibliografio de Esperanto.Parto unua,volumo deka.-P.
Esperantista Centra Oficejo 1914.64 p.(Esperantist
Dokumentaro.27)

Bibliografio interlingvistika.-Interlingvistika biblic
grafio.En:Fokoso 1966 ff

Bibliografio de la hungara literaturo en Esperanto.En:
Hungara antologio.-Budapest:Literatura mondo 1933
p.[460-462]

Bibliografio de japana literaturo tradukita en Esperan-
to.-[S.l.]:43 Kongr.de JapanajEsperantistoj 1956.21 p.

Bibliografio de medicina literaturo Esperanta en japan-
ujo.-[S.l.]:43 Kongr.de Japanaj Esperantistoj 1956.
46 p.

Bibliografio de scienca literaturo Esperanta en japan -
ujo.-[S.l.]:43 Kongr.de Japanaj Esperantistoj 1956.
30 p.

Bibliografio de kemiaj
dokumento ser.E.sekc.

Bibliografio de matemat
oj en Esperanto.En:CE

Bibliografio de verkaj
R.L.Stevenson:forkaptita.-Glasgow:Kardo 1976.[Apud
titolpaĝo]
...Stevenson en Esperanto.En:

BIBLIOGRAFIO

Alfabeta katalogo pri la kolekto de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien. Parto 1. A-L. Komp. H. Steiner. Wien, 1969. 462p. 29cm. Prezo: 54,00 gld.

Alfabeta katalogo pri la kolekto de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien. Parto 2. M-Z. Komp. W. Hube, H. Mārz. Wien, 1975. 378p. 29cm. Prezo: 54,00 gld.

Bibliografio de disertacioj pri Esperanto kaj interlingvistiko. Komp. Edward Symoens. Rotterdam: CED/UEA, 1989. 159p. 20cm. Lingvaj kaj resumoj pli ol 120 verkojn. Prezo: 27,00 gld.

Bibliografio de Internacia Lingvo. P.E. Stojan. Hildesheim-New York: G. Olms, 1973. 560p. 23cm. Bind. La plej fama interlingvistika bibliografio. Prezo: 96,00 gld.

Bibliografio de la Esperanto-eldonaĵoj aperigitaj en Pollando 1945-1979. Irena Bednarz. Romo/Varsovio, 1979. 29p. 24cm. Prezo: 5,40 gld.

Bibliografio de la franclingvaj literaturaj tekstoj tradukitaj al Esperanto. H. Gonin. Paris, 1987. 56p. 21cm. Prezo: 7,80 gld.

Bibliografio de la publikaĵoj de Reinhard Haupenthal. Suplemento 1980-1986. Fernando de Diego. Saarbrücken, 1986. 12p. 20cm. Prezo: 3,90 gld.

Bibliografio de matematikaj kaj natursciencaj terminaroj en Esperanto. 4p. 25cm. Prezo: 0,90 gld.

Biblioteka mondlibro. Herbert Mārz. Aarhus/Wien: Eŭropa E-Eldonejo, 1979. 51p. 30cm. La unua sekcio alfabeta listigas kaj identigas la "kaŝnomojn" de la Esperanta literaturo. La dua estas bibliografio de bibliografiaj verkoj en aŭ pri Esperanto. Prezo: 17,70 gld.

Catalog of the George Alan Connor Esperanto collection. Komp. K. Smith, S. Haake. 1978. 121p. 30cm. Prezo: 20,40 gld.

Ĉeĥa literaturo en Esperanto. Komp. Vlastimil Novobilský. Prago, 1983. 30p. 21cm. Bibliografio de ĉeĥaj E-verkoj de 1890 ĝis 1980. Prezo: 4,20 gld.

Decimala katalogo. IEMW, 1957. 463p. 29cm. Prezo: 36,00 gld.

Enkondukto en la librosciencon de Esperanto. Reinhard Haupenthal. Nürnberg, 1968. 44p. 21cm. Prezo: 4,50 gld.

Esperantlingvaj tradukoj de la Sankta Biblio ekde Zamenhof ĝis la nova Ekumena Biblio. Angelo Duranti. Meschede, 1985. 48p. 21cm. Prezo: 6,60 gld.

Esperanto-katalogo de la libroj brajlaj, kiujn posedas la porblinduloj bibliotekoj en Nijmegen, Amsterdam kaj Den Haag. Nijmegen, 1986. 2+15p. 30cm. Prezo: 2,40 gld.

Esperanto-katalogo de la sonlibroj, kiujn posedas la porblinduloj bibliotekoj en Nijmegen kaj Den Haag. Nijmegen, 1986. 2+20p. 30cm. Prezo: 2,40 gld.

Esperanto-poresoj de Bulgario. Canko Murgin. Sofio, 1985. 64p. 20cm. Prezo: 2,40 gld.

Flandra kaj nederlanda Esperanto-bibliografio. Guido Thys. Antwerpen, 1983. 91p. 21cm. Prezo: 8,70 gld.

Katalogo de Esperanto-periodaĵoj de Universitata Biblioteko de Katolika Universitato en Lublin. Anna Grabowska, Edward Wojtakowski. Lublino/Romo, 1981. 3+87p. 15cm. Prezo: 7,50 gld.

Katalogo de la Esperanto-kolektaĵo de Károly Fajszi, Budapest. Libroj. 1-a parto. Red. Mária Pataki Cseller. Budapest: OIK, 1991. 542p. 29cm. Laŭtema bibliografio de pli ol 5 000 E-libroj, kun nomindekso kaj titolindekso. Prezo: 97,50 gld.

Katalog over interlingvistik litteratur i Universitetsbiblioteket i Oslo. T.A. Haeg. 88p. 23cm. Prezo: 9,30 gld.

Klasifo de Esperantaj temoj. M.C. Butler. Bergen-op-Zoom: E-o Film-Grupo, 1950. 144p.

# BIBLIOGRAFIO

BRAZILA ESPERANTISTO

91-a Jaro - Junio 1999
N-ro 307 (trimonata) - Trimestral
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
SDS - Edif. Venâncio III, Sala 409
Brasília, DF
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasilia, DF (Brazilo)
Telefono (061) 226-1298
Fakso (061) 226-4446
Internet: bel@brnet.com.br
Hejmpaĝo: http://www.brnet.com.br/bel/bel
Kompostado, presado, Grafika aranĝo
Gráfica Altamisa
Eldonkvanto: 1500
Redaktantoj, aranĝoj, maketo:
Symilde Schenk Ledon
Gilbert René Ledon
Caixa Postal 269
12460-000 Campos do Jordão, SP - (Brazilo)
Telefono-Fakso: (012) 262-1983
e-poŝto: ssledon@iconet.com.br
**La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo**

BRAZILA REVUO ESPERANTISTA
Fondita en 1907
BRAZILA ESPERANTISTO
Fondita en 1908
de Alberto A. Vieira
Reynaldo Geyer
Everardo Backheuser
Pri abonprezo, anonctarifo k.c.
skribu al BEL
Pri kunlaboraĵoj k.c. skribu al la redaktejo
ESTRARO DE BEL
Prezidanto
Osvaldo Pires de Holanda
Vic-Prezidanto
José Carlos Dorini Ramos
1-a Sekretario
Carlos Maria
2-a Sekretario
Aymoré Vaz Pinto
3-a Sekretario
Adirson Messias Lima
1-a Kasisto
Maria das Graças Mundim dos Santos
2-a Kasisto
Octávio de Almeida Filho
Kontrola Konsilantaro
Jorge Duarte de Oliveira Filho
Sérgio Néri da Mata
Waldir Antonio Silvestre
Anstataŭantoj
Maria das Dores Góes
Judith Maria Ferreira Barata
Omar Vieira Cortes
PREZIDANTO DE LA FEDERACIA
KONSILANTARO
Gloria Lucia Perine
KOMITATANO "A"
ĈEFDELEGITO UEA / BR
Symilde Schenk Ledon

# ENHAVO

Moderna komunikado - Disvastiĝo ........ Paĝo 3
Sciu debati ........ Paĝo 4
Kroniko ........ Paĝo 5
Kamparano ........ Paĝo 6
Recenzo ........ Paĝo 8
Pri vortaroj ........ Paĝo 10
La adoleskantino ........ Paĝo 11
Labori por sano - Beno al infanoj ........ Paĝo 12
Reago - Homa kunvivado ........ Paĝo 13
El la leterkesto - Renkontiĝoj ........ Paĝo 14
Internacie ........ Paĝo 15
Deziras korespondi ........ Paĝo 16
Movado ........ Paĝo 18
Pola Radio ........ Paĝo 20
Anoncetoj - Linguapax ........ Paĝo 21
Kiel organizi kongreson ........ Paĝo 22
Konu la pantanalon ........ Paĝo 23

## Kovrilpaĝo

### BIBLIOGRAFIO

Bibliografio estas: 1. Historio de la libroj, iliaj verkistoj, eldonoj, ktp. 2. Detala listo de la libroj, manuskriptoj ks, kiuj estis verkitaj de unu aŭtoro, aŭ eldonitaj de unu eldonisto aŭ en unu lando, aŭ pritraktantaj unu temon. 3.Scienco kiu pritraktas la historion, priskribas kaj klasifikas librojn, konsiderataj kiel fizikaj objektoj. 4. Listo de verkoj rekomenditaj pri certa temo. 5. Listo de verkoj konsultitaj, precipe je fino de traserĉo, kiuj estas referencoj pri la temo.

En UEA Esperanto-Katalogo, p.63 trideko da titoloj ampleksas la temon.La verkoj:"Bibliografio de Disertacioj pri Esperanto kaj Interlingvistiko", de Eduard Symoens skizas en indekso laŭ aŭtoro, lando kaj titolo,la laŭteman, laŭdiploman, laŭlandan indekson, plus informojn pri la menciitaj tezoj kaj disertacioj. -"Deklingva Manlibro pri Politiko", de Stefan Maul celas prezenti sisteman politik-sciencon. "Biblioteka Manlibro", de Herbert Marz en la dua parto estas listigitaj la bibliografioj esperantaj. "Manlibro por novaj membroj" de UEA, entenas la strukturon kaj principojn de la organizaĵo.

BIBLIOGRAFIO

# MODERNA KOMUNIKADO

* En la fino de tiu ĉi jarcento, la homoj postulas pli kaj pli da informoj liveritaj laŭ vidkapablo. Ni estas en la erao de vidkomunikado. Tial, neeviteble, Esperanto devas prepari taŭgan materialon. Jam de longe la publiko malbone akceptas ricevi informilojn kun malbona aspekto (por ne diri pri la kvalito de enhavo).

* Oni povus pledi por pli granda konscio, flanke de niaj E-kluboj, rilate al propagando. Propagando, jes, por resti nur en la unua ŝtupo de informado. La unua impreso estas tiu, kiu restas - tiel asertas la tradicio. Do la aspekto kaj, pli grave, la mesaĝo de niaj propagandiloj devas evolui. Se tio ne estus grava en komunikado, ne estus tiom da profesiuloj kaj entreprenoj okupiĝantaj pri tio. Ne temas nur pri mono. Ekzistas klasikaj kazoj de malmultekostaj efikaj propagandiloj.

* Ĉiu E-isto foje devas "reinventi la radon", sed la unuiĝo de du grupoj en la produktado de komunaj propagandiloj evitas duoblan malŝparon de fortoj kaj samtempe duobligas la disponeblajn fortojn. En tiu direkto, BEL laŭdinde iniciatis la bazan koloran faldfolion, elpensitan kune kun fakuloj. Iuj povas eĉ ne ŝati tiun tekston, sed validas la koncernaj principoj: Teknika asisto, unuiĝo de fortoj kaj unueco en nia mesaĝo al la publiko.

* Kiel povas kluboj kun malmultaj rimedoj atingi grandan publikon? La respondo nuntempe estas tre simpla: <u>Internet</u>. Neniu medio tiel malmultekosta (eĉ tute senpaga) povas atingi potenciale tiel grandan publikon.

Eĉ por la pli efika informfluo inter esperantistoj, oni povas esperi pri pli da dissemitaj informoj pri lokaj kluboj en Internet. Estas tre facile serĉi informojn en Internet (tio estas unu el ĝiaj plej potencaj ecoj). Kaj la movado kaj la publiko gajnos multe kiam bazaj informoj pri ĉiu E-Klubo estos en la reto. Plie, ĉiu klubo kun informiloj en Internet povus iom post iom prepari la esperantigon de informoj pri sia urbo. Foje tiuj informoj (kiam temas pri malgranda urbo) ne troviĝas ankoraŭ eĉ en la portugala - jen plia bona maniero montri la utilecon de Esperanto (cetere, tiu ebleco permesas ke elektronike aperu informoj kiuj apenaŭ havus la ŝancon aperi presitaj!).

* Dua maniero aliri grandan publikon estas la <u>komunumaj televidkanaloj perkablaj</u>. Tio estas io nova, medio ekzistanta de nur tri jaroj kaj alirebla de ĉiu neregistara organizo (niaj NRO-j) laŭleĝe registrita. Federacia leĝo devigas, ke ĉiu kablotelevida entrepreno disponigu <u>24 horojn tage</u> tiun kanalon. Kompreneble tiu medio estas uzebla de urboj jam disponantaj pri kablo-sistemoj. Sed, aliflanke, la publiko kiun kablo atingas apartenas al klaso (almenaŭ teorie) kulture elita, do publiko pli malferma al lingvoj kaj fremdaj kulturoj. Kultura Centro de Esperanto helpis fondi la komunuman kanalon de Campinas kaj aktive influas ĝian funkciadon kaj proponas kunlaboron kun kluboj de aliaj urboj kiuj povus havi tiun aliron sialoke.

James Piton - Komisionano de Amerika Agado por BR.

# ESPERANTA DISVASTIĜO

En la 4-a de Majo okazis ĉe la Fakultato de Filozofio, Sciencoj kaj Beletro en la urbo Jaú, SP prelego pri Esperanto farita de Prof.-ro D-ro José Passini.

Dum la prelego, kiun ĉeestis la gestudentoj de la kvar klasoj, Prof-ro Passini parolis pri la nuntempa situacio de la komunikado, kio estas planita lingvo, ĉu ekzistas aŭ ne ia lingva problemo kaj ĉu internacia planita lingvo estas bezonata. Poste li prezentis E-on kiel logikan kaj simplan solvon al la problemo pri internacia komunikado. Per lia elokventa kaj klera parolado ĉiuj povis konatiĝi kun E-o kaj ĝia tre bela idealo. La vivo de Zamenhof kaj ankaŭ liaj tre penaj laboroj por krei kaj disvastigi la lingvon estis agrable prezentita.

En la sekvanta tago, la 5-an de Majo, Prof-ro Passini instruis E-on al la studentaro de la unua kaj dua klasoj. Tiam oni povis ĝui la simpation kaj klerecon de Passini kaj solvi multajn dubojn.

Ĉie la manko de informoj pri E-o aŭ la multaj misinformoj rilate al nia kara lingvo abundas, sed laŭ la vortoj de Prof-ro Passini, kaj nia propra sperto, ĉe la universitataj medioj la antaŭjuĝoj kaj manko de volo rilate al ĝi atingas timigan gradon.

Ni ja scias, ke ne nur per unu sola fojo ni sukcesos forigi la stultan homan antaŭjuĝon, sed estas tre grava por nia celo la kunlaborado de Prof-ro Passini. Multaj gestudentoj interesiĝis pri ĝi,kaj feliĉe eĉ multaj instruistoj rigardas la aferon je alia vidpunkto. Kelkaj ankoraŭ estas obstinaj malamantoj de Esperanto (kiun ili tute ne konas kaj ne volas koni); sed estas bone, ke ili ekzistas, ĉar pere de ili ni povas ekzercigi nian rezistkapablon.

En la venonta jaro, E-o estos instruata sabate ĉe la fakultato al la gestudentoj kaj al la komunumo. Tio ja estas granda venko.

Ni kore dankas al Prof-ro Passini pro lia ĝentila akcepto al nia invito kaj pro lia netaksebla helpo al nia laboro.

Ni semu, semu kaj semu... Tamen volu, volu kaj volu ke la semoj iam floru!

Valéria Garcia

# SCIU DEBATI

Zamenhof vidis ĉirkaŭ si en Bialistok multajn kverelojn kaj batalojn inter 6 etnaj grupoj: Poloj, Rusoj, Blank-Rusoj, Litovoj, Germanoj kaj Hebreoj, kiuj ne komprenis unuj la aliajn. Lia konkludo: La kaŭzo de militoj estas la nekompreno. Tial li kreis Esperanton.

Sed kompreni ne estas nur kompreni la lingvon, sed speciale: kompreni la kialojn de alies opinio.

En tiu tempo eĉ ne ekzistis interurbaj telefonvokoj, nek radio aŭ TV. Do neniu bone sciis, kio okazas en la mondo. Sed nun ni scias, ke la kaŭzoj de la kvereloj kaj bataloj estas ekonomio, religio, kolonia kaj etna subpremo, k.t.p.

Speciale la ekonomiaj kvereloj okazas ofte inter samlingvaj samlandanoj. Do paroli la saman lingvon ne garantias la pacon.

Sed "samideanoj" ekzistas en la tuta mondo, ankaŭ ekster Esperantujo: la pacistoj, speciale post iu milito inter tiuj, kiuj multe suferis pro la bataloj kaj ankaŭ inter tiuj, kiuj ne partoprenis en la milito, ekzemple post la unua mondmilito en Eŭropo, sed ricevis kaj helpis multajn fuĝintojn kaj infanojn, kiuj orfiĝis. Tiuj landoj sendis tuj post la milito trajnojn de la Ruĝa Kruco kun nutraĵoj, medikamentoj, vestaĵoj, k.t.p. Ĝenerala helpemo kaj indigno! Aperis pacaj movadoj kun la slogano "Malsupren la armiloj!" Ĉie oni vidis pacsimbolon: rompita pafilo, uzata kiel broĉo. Fondiĝis la Ligo de Nacioj.

La plej bona solvo de kvereloj estas forigi la kialon, ne per armiloj, ĉar krueleco kaŭzas venĝemon, do novan militon, sed per debatoj. Debato... ne ĉiuj kapablas diskuti inteligente. Multaj eĉ ne aŭskultas, interrompas la paroladon de aliaj. Sincera politikisto aŭ pacisto devas interesiĝi pri la opinioj kaj argumentoj de alia parolanto, sed ofte okazas ke partoprenantoj interrompas kaj malebligas ke aliaj aŭskultas. Eĉ batalas, kiel ni vidas en la TV. Do:



Mi proponas, ke en la lernejoj oni instruu debati. Ŝajnas al mi, ke Paco nur estas atingebla se oni kapablas aŭskulti kaj diskuti inteligente. Do la instruisto klarigu:

1) Debato ne estas konkurso por venki. Neniu devas pensi: ili devas kompreni ke MI pravas. Tute ne! Debato estas klopodo de ĉiuj por alveni al komuna konkludo por kontentigi ĉiujn.
2) La opinioj malsamas, ĉar ĉiuj havas alian vivsperton, alian ĉirkaŭaĵon, alian profesion, aliajn personajn inklinojn kaj kapablojn kiel komerco, sporto, scienco, arto, sociaj laboroj, k.t.p. sed ĉiuj devas kompreni ke la homaro bezonas ĉiujn tiajn personojn. Ni bezonas unuj la aliajn. Do ĉiuj estas respektindaj, se... ili estas honestaj.
3) Do, por kompreni la aliulojn oni devas aŭskulti ilin. Unue ili prezentas la argumentojn, poste venas al konkludo. Do ne interrompu! Aŭskultu!
4) La instruisto nun instruas aŭskulti, rakontante iun ajn historion dum 5 minutoj. Tiu historio devas havi multajn detalojn pri loko, momento, koloroj, personoj, bestoj, vetero, kialo de okazintaĵoj, konkludo, fino.

La lernanto devas atente aŭskulti, ne povas paroli, ĉar poste ili devas skribi la tutan historion. Kiu ne forgesis unu detalon, ricevos la poenton 10.

5) Nun la debato. La instruisto prezentas temon sen prezenti sian propran opinion. La lernantoj

devas pripensi tion dum 5 minutoj silente. Tiam, kiu volas paroli levas la manon. La prezidento de la kunveno disdonas la parolon. Ili devas prezenti siajn argumentojn per mallongaj, klaraj frazoj, ne volante impresi per "belaj vortoj" sen solida enhavo. Ĉiuj rajtas paroli alian fojon, aŭdinte la aliajn, kaj donante respondon aŭ novan ideon.

6) En la komenco de la kurso la instruisto estas la prezidanto de la kunveno. Poste la lernantoj devas lerni prezidi, disdonante la parolvicon, kiun la partoprenantoj petas, levante la manon sen paroli.

En la fino de la kunveno oni voĉdonas. Espereble ili trovos solvon kiu kontentigas ĉiujn.

Ĉiuj politikistoj devus sekvi debatkurson por esti elekteblaj por Parlamento, Municipa Konsilantaro, k.t.p.

Nun mia laŭdo al la partoprenantoj de la Universalaj Kongresoj de la esperantistoj. Neniu interrompas. Ĉiuj aŭskultas atente. Ĉiuj estas bone edukitaj. Gratulojn!

La celo de debatoj estas trovi la "Oran Vojon" kiu kuŝas en la mezo.

Bona aŭskultanto
Kiu scias Esperanton
Povas esti pachelpanto.

May Bijleveld



# KRONIKO

de Maria Almada

## LABORLOKO

Ĉiu metiisto, kiu fabrikas iun ajn aĵon, bezonas difinitan lokon por realigi sian metion. La meblisto, la ĉarpentisto kaj aliaj, sennombraj metiistoj, posedas lokon kaj instrumentojn por realigi la planitan taskon. Ŝajnas, ke la tie laborantaj personoj estas magiistoj. Observante ilin labori ili ŝajnas sorĉistoj, kiuj per mirindaj iloj plenumas sian taskon kaj kapablas realigi ĉion kion ili deziras. Restas al ni la analogio, ke la instrumentoj akiras vivon kaj agadas laŭ la ordono de la laboranto.

Alia magia metiisto estas la verkisto, sed kie troviĝas ĝia laborejo? La lokon vere estas tre malfacile difini, la verkisto verkas ĉie. La metio de la verkisto estas skribi: novaĵojn, diversajn, al ni ne konatajn historiojn. Unue sur paperetoj, kajeretoj kaj aliaj aĵoj, kiuj estas hazarde ĉemane. La verko povas esti fantazia, filozofia aŭ realeca dependas de la animstato de la artisto, jes artisto, ĉar verki estas arto. La artisto agadas sindediĉe en sia profesio aŭ amatore klopodanta labori, sed kun amo kaj sincereco, kion la leganto tuj sentas. La verko konsistas el literoj, sed ili iĝas vortoj, poste fariĝas frazoj, sub la skribilo de la lerta verkisto. Malantaŭ la vortoj, en alia dimensio kaŝiĝas la realeco kaj vereco de la literaturo.

La literaturo estas artaĵo, kiel la pentraĵo, skulptaĵo, kiuj igas kontentaj la verkistojn kaj la legantojn. Sed kie estas la laborloko de la verkisto? Nu, en diversaj lokoj: ofte surstrate, en parko aŭ en ĉambreto, kies fenestro tra sangaj okuloj embuskigas la diboĉan mateniĝon. La verkisto ne elektas specialan lokon, sed ĉion surpaperigas, kion li atente observas. Vere la laborejo de tiu artisto troviĝas en ĝia tuta menso. La verkoj iĝas niaj sinceraj kaj lojalaj amikoj. Ili akompanas nin ĉien, ili helpas nin, instruas nin, ĉiam kiam ni tion deziras.

Amu ni la librojn kaj legu ni pli!

# KAMPARANA INFANO

Ie mi legis iam, ke malgrandaj homoj parolas pri personoj, meznivelaj pri eventoj kaj la grandaj pri ideoj. Laŭ la principo, ke restu tajloro ĉe sia laboro, do akcepte al la limigo de mia rango, mi parolas pri homoj, ĉefe pri la al mi plej grava el la homoj: mi mem. Tamen nur pri la infaneco, tiu komenca parto de unu el la multaj etapoj survoje al homiĝo.

Mi naskiĝis inter simplanimaj homoj, en kamparana familio, en la komencaj tempoj kvazaŭ indiferenta al la mondo.

Mia enmemiĝemo iĝis pli okulfrapa pro la komunikiĝemo de mia fratino. Nia ĝemeleco estis al mi malavantaĝo pro la diferencoj, kiujn la neeviteblaj komparoj kaj rimarkoj reliefigadis. Ŝia ridemo elstarigis mian melankolian aspekton, ŝiaj vivaj koloroj mian palecon, ŝia pli disvolviĝinta korpo mian feblecon.

Sed tio apenaŭ suferigis min. Mia revemo facile drivigis min en fantaziojn kaj tie la komparoj ne trafis min, se oni min ne revenigis en la realan mondon per impertinentaj demandoj koncerne al tio, kiam mi decidos elkreski, aŭ io same idiota.

Kelkfoje mi ŝajnis apatie sendecidema aŭ malinklina lukti por tio, kion mi volas, se entute oni povis supozi, ke mi volas ion. Laŭ mia patrino tio venis jam el mia suĉinfaneco. Kiam ŝi mamnutris nin, ŝi disponigis al ĉiu el ni unu mamon. Brila tuj kaptis la sian per unu mano kaj la buŝon algluis al la cico avide suĉanta, dum per la alia mano akapare kovris la "liberan" cicon. Mi pace kvietis kvazaŭ tio ne koncernus min, kiel se tiu partnereco ne estus fundamenta rajto mia.

Ŝi altiris atenton, simpation; mi... kompaton. La patrino perceptis tion kaj iel provis kompensi min per tenera traktado. La patro atentis pli la knabinon kaj kelkfoje karesludis kun ŝi. Ekzemple, li iom krude frotis la raspan, densan kelktagan barbon sur ŝia vizaĝo, kion ŝi bruride eltenis, eĉ se la vangoj iĝis arde ruĝaj. Se mi alproksimiĝis serĉe al iom da atento kaj karesoj kaj, se eventuale mi ricevis ilin, en la tuj posta momento, mi jam forpuŝiĝis, konsternita kaj psike kaj fizike dolorigita de la pli malmilda premfrotado de tiu agresa barbo sur mia vizaĝo. Tio pli stimulis mian izoliĝan timidecon.

La lumo filtriĝanta inter la tegoloj de la senplafona tegmento, pluraj inter si proksimaj ŝtonetoj elstaraj sur la tera planko, la tuberdesegnoj sur la tabuloj de la vandoj, kiuj kruce dividis la domon en kvar ĉambrojn, la lignaj pinĉiloj per kiuj la patrino pendfiksis la vestaĵojn al drato, por sekiĝo, jen simplaj enhejmaj distraĵoj, kiuj povis forgesigi al mi la ĉirkaŭan mondon.

Antaŭ ol iĝi sesjara mi komencis lerni legi, instruata de mia frato, kelke da jaroj pli maljuna ol mi. Kaj tiam ekmalfermiĝis al mi alia mondo. Mi legis ĉion, kio trafis miajn manojn, ĉefe romanojn, sed ankaŭ revuojn, ĵurnalojn, bildstriajn historiojn; resume, mi legis ĉion, kion oni povis trovi en tiu mia medio de analfabetaj kamparanoj kaj ĉefe tion alian, kion, pripetite al pli bonŝancaj konatoj, pruntis al mi.

Kiam oni sendis min al la unuagrada lernejo, mi sentis min tute ekster mia medio. Ankaŭ la piednudeco kaj la malriĉulaj vestaĵoj ne helpis al mia memfido, eĉ se mi ne estis la sola lernejano paradanta malriĉecon. Timide mi evitis kontaktojn kun nekonataj kolegoj. Tiuj kelkfoje sin altrudis, kaj eĉ impertinente minacis, kio facile fuĝigis min, tiel stimulante la laŭŝajne senkonscian kruelecon de pli fortikaj kunlernejanoj.

Iom post iom mi konstatis, ke estis multe da blufo malantaŭ la aplomba kuraĝo de tiuj sintruduloj. Sed mi ankoraŭ ne kuraĝis alfronti ilin kaj eltenis multe da impertinentaĵoj. Eĉ da batoj.

Iam mi alvenis hejmen kun postsignoj de lukto sur la haŭto kaj la vestaĵoj. Mia patro pridemandis min, kaj mi devis konfesi, ke oni malmilde batis min en la lernejo.

"Kaj vi? Kion vi faris? Ĉu vi lasis la alian en malpli bona stato ol vi mem?"

"La alia estas pli granda kaj fortika ol mi", estis mia respondo.

"Ĉu vi ne vidis iuloke ŝtonon, lignaĵon aŭ ion alian per kiu vi povus kompensi la diferencon?"

Li volis scii kiu estas la krudulo.

Kiam mi diris, ke la knabo loĝas proksime al lia tiama laborejo, kaj ke ĉiutage li devas dufoje preterpasi tie, miapatra vizaĝo heliĝis...

"Morgaŭ vi kuros de la lernejo ĉi tien. Alvenu antaŭ ol li preterpasos. Kiam li aperos, vi batos lin same sovaĝe, kiel li batis vin. Mi ĉeestos, kiel nura spektanto. Kaj memoru pri tio, ke vi rajtas timi antaŭ hundoj kaj viroj, sed montri timon vi ne rajtas".

La sekvintan tagon mi, iom laca de la kurado, atendis la knabon.

Mia patro estis kaj restis atendanta ĉe la pordego.

Kiam la ĝenulo alvenis, mi, kun konfliktaj sentoj, aliris lin. La ĉeesto de mia patro kuraĝigis kaj ĝenis min. Kaj ne nur pro tio, ke mi devas bati laŭmende. Por inciti min mi, ne tre sukcese, pensis pri la ricevita draŝado. Mi levis la manon kaj malforte batis du-trifoje. La alia rigardis mian patron, ne kuraĝis rebati kaj pluiris sian vojon.

Mia patro skoldis min, ke mi ne sufiĉe batis kaj atentigis, ke, se la knabo denove batos min, mi ricevos ankoraŭ pli hejme. Li ja tute ne povis kompreni, kaj malpli akcepti, ke li havas poltronan filon.

Bonŝance por mia elkoniĝo, mia nedezirinda kunlernejano denove atakis kaj batis min. Tiu estis la lasta fojo, en kiu iu atakis min kaj ne trovis almenaŭ bravan kaj dignan reziston.

La sekvintan tagon, ĵus elirinte el la lernejo, mi kuris

al la loko, kie mia patro laboris, kaj avertis lin, ke, kun aŭ sen lia ĉeesto, mi bategos mian malamikon. Kaj valoris la penon. Mi ja batis, mordis, gratis, kie kaj kiom mi povis. Tiel nebrideble sovaĝe, ke mia patro, kun la familia honoro jam plene lavita, intervene haltigis min. Kaj mi sentis, ke li fieras pri mi. Ankaŭ tial ke la alia ne cedis facile. Li klopodis sin defendi kaj kelktrafe rebati, sed mia kolera impeto estis nebarebla.

Denove li atakis min en la lernejo, kaj denove mi brave draŝis lin.

Anstataŭ mia patro, liaj amikoj ĉeestis la lukton, komplicaj kaj kvazaŭbravuloj, kiuj, ankaŭ ili, ŝanĝis sian sintenon al mi kaj komencis de tiam min respekti.

Mi fieris, ĉefe pro la respekto de mia patro. Mi ja bezonis tiun respekton, kiun mi jam ĝuis sur alia kampo. Mia patro plene fidis mian veremon, kaj tiu konstato plifortigis mian emon al sincero. Ĝuste tiu bildo pri sincero kaj kuraĝo, kiun li kreis al si pri mi, helpis min iom moderigi lian bravulaĉan sintenon al najbaroj kaj familianoj.

Li iom diboĉis.Kartludoj,drinkado,senskrupulaj amoraventuroj.

Ofte li alvenis hejmen duonebria. Ĝenerale - eĉ se sobra - malbonhumora kaj inklina serĉi pretekstojn por diskuti kaj minaci mian patrinon. Multfoje li batis ŝin. Dum jaroj, male de aliaj knaboj, kiujn mi enviis, mi deziris, ke mia patro alvenu hejmen plejeble malfrue, ĉar des malpli li perturbus la hejman pacon.

Mia patrino ĉesis esti de li batata, kiam lia respekto por mi estis kreskinta pli ol mi mem. Mia morala forto, ne la fizika, ekiĝis la baro al pli drastaj sekvoj de liaj ŝtormoj.

Mi memoras pri kvazaŭa mejloŝtono en la evoluo de tiu proceso.

En tiu tago li estis speciale senbride malbonhumora. La ŝtormo kresĉende minacis. En angulo mi silente ekploris. Mia patro rimarkis tion kaj skoldatone min demandis pri la kialo.

"Envio al tiuj, kiuj havas amindajn kaj amajn patrojn kaj honto pri la mia", estis mia intersingulta respondo.

Li senmoviĝis kaj silente, stupore, rigardis min kelkajn momentojn, dum mi, ektimigite, atendis ian eksplodon.

Sed li turnis sin al la tablo, jam preparita por la vespermanĝo, kaj komencis ripete diri: "Mi plorigis mian filon". Samtempe li malrapide pelis la aĵojn de sur la tablo frakase sur la plankon, kvazaŭ por havigi al si spacon por intermite pugnobati. Subite li mem falis sur la plankon. Streĉiĝis ĉiuj liaj muskoloj, kaj al mi ŝajnis, ke ĉio en li kastanjetas, muskoloj, ostoj kaj dentoj.

Mi ne scias kiom da tempo li restis tiel. Mi memoras, ke li iĝis poste tute apatia, kaj ni devis porti lin al la lito.



La sekvintan tagon li memoris pri neniu el tiuj eventoj. Dum tri tagoj li malsanis kaj ekstreme lacis. Ĉu iam poste li rememoris la okazintaĵojn, mi ne scias, sed nek li nek ni iam ajn komentis ilin.

Mia patro estis altgrade memama, kaj ne ĉiam metis tiun senton je la servo de bonaj celoj. Li fieris, ekzemple, pri sia fikemo kaj ties plenumado, kaj ne tre skrupulis cele al kontentigo de tiu instinkto. El tiuj liaj amoraj bataloj postrestis kelke da kokritoj.

Nefacile oni klaĉis pri li nur tial, ke oni timis lin. Ne nur unu fojon li frapis la pordojn de najbaroj, defiante ilin ripeti, al li en la vizaĝon, onidirojn trafintajn al li la orelojn.

Iun nokton mi devis akompani lin hejmen, tute ebria. Li eltenis - kaj ankaŭ pri tio fieris - multe da alkoholo. Sed tiufoje li troigis, kaj stumble, zigzage, malfacile paŝis. Mi estis eble ok aŭ naŭjara, malfortika infano eĉ por tiu aĝo. Tamen mi alvokis ĉiujn miajn fortojn por helpi lin teni sin stara. Ege malfacila kaj laciga tasko, ĉiumomente minacanta ĵeti ambaŭ surteren.

Subite ni, li la unua, aŭdis proksimiĝantajn voĉojn. Li aplombe rektiĝis, kaj per firma gesto liberigis sin de mia apogo, rekta kaj rekte soliris firmapaŝe, kaj per same firma tono komentis: "Ni estas ebriaj, sed ni ŝajnigu, ke ne tiel estas".

Dum la homoj proksimiĝis, preterpasis kaj iom malproksimiĝis, li tenis sin digne, kvazaŭ tute sobra, nature iranta al sia celo. Kiam li sentis ilin jam malproksimaj en la malhelo, li kolapsis kaj rekomenciĝis mia kalvario.

Pluan fojon mi konsciis pri la surpriza forto, kiun povas al ni doni psike sprona celo.

Kovito

# RECENZO

**Memoraĵoj de Sinmortiginto - Yvonne A. Pereira el la portugala tradukis Affonso Borges Galego Soares - eldonis Spirita Eldona Societo F.V. Lorenz - 1998 - 554 Paĝoj - Prezo R$ 25,00 plus afranko.**

Jen verko entute kongrua al la spiritisma doktrino, do sufiĉe malfacile legebla por ne-spiritistoj. La tuta verko, vere tro longa pro senĉesaj ripetadoj de ŝablonaj formuloj povus facile reduktiĝi al cento da paĝoj. La tuto pledas kontraŭ la malbono de sinmortigo por la eterna evoluo de la spirito. Kelkaj sinmortigintoj rakontas pere de mediumo (la aŭtoro) siajn travivaĵojn en la spirita mondo sed kun kelkaj kontaktoj en la videbla mondo. Temas pri iu malfacila regenerado, kuracado dum jardekoj kaj jardekoj en terura suferado, lamentado, pentado, reedukado, senfina preĝado ĝis pretiĝo por surtera reenkarniĝo cele al la sinmortigintoj.

Preter la doktrinigado estas malfacile klasigi tiun literaturaĵon. Mi estus dezirinta iun fikcian rakonton, kiu fluas, eĉ se estas en la transmondo, sed la tuto estas dishakita fantazio, mistika fantasto kun senfinaj halucinoj en la nekoheraj priskriboj mem. Estas 554 paĝa predikado por konvinki la spiritistojn ke ili ne sinmortigu.

La sinmortiginta spirito (eventuale kun pliaj astralaj korpoj) devas iri en iun "Sinistra Valo" por suferi la plej terurajn turmentojn dum la tempo, kiun li normale devus vivi. Vere strangaj (por mi) estas la priskriboj de putriĝantaj kadavroj. Ĉu la kadavroj de la materiaj korpoj jam ne putriĝis sufiĉe sur la tero mem? Daŭre, dum mi legis, mi memoris la televidan programon "Lernejeto de bruo" (Escolinha do barulho)... "ni vidas, ke en via ekstertera mondo, la aferoj estas, kiel en nia tera mondo!" - ĉu ne? En fikcio, ankaŭ en spirita mondo oni atendus ion alian, ol ripetado de la surteraĵoj.

De la Sinistra Valo la sinmortigintoj iras al diversaj aliaj departementoj, kiel de Viglado, Korekta Kolonio, por kuracado, sed ĉio similas al Portugalio. Kial? Paĝo 73 revenas la longaj klarigoj por ne fali al la "nenio de materialismo"... En la spirita mondo la sinmortigintoj ne havas la samajn rajtojn, kiel la aliaj! Paĝo 146 oni citas, ke en tiu mondo ekzistas malbonaj spiritoj pli danĝeraj ol la surteraj. Kia teruraĵo! Grava estas la departemento pri reedukado, kiu okazas ĉefe per kvazaŭa senĉesa preĝado dum jardekoj. Mi citas el paĝo 167: "Homo, ho mia Frato, kiu, kiel mi, devenas de la sama Glora Lumfokuso! Senmorta animo naskita




por altegaj destinoj en la malavara sino de la Eterneco! Akcelu vian evoluadon direkte al la Supro sur la vojoj de la Sciado, reedukante vian karakteron ĉe la helaj lumoj de la Evangelio de la Kristo de Dio!"...

En ĉiu paĝo la Diaj sinonimoj abundas, ekzemple: -Superega Arkitekto - Dia Modelo - Grandanima Majstro - Dia Indulgemo - Lia Patra Boneco - Dia Patreco - Korfavora Majstro - Senmorta Lumo - Granda Leĝo - Dia Justeco - Plejalta Patro - Eterna Leĝodonanto - Ĉiopova Kreinto - Eterna Disdonanto de Vivo - KTP.

La dua kaj tria partoj de la libro prezentas pliajn departementojn: Izolejo (malliberejo) - Frenezulejo, Reenkarniĝa departemento, Universitato, Arkivoj de la animo kun "kuracaj" admonoj, sencesaj akuzoj dum 30 jaroj aŭ pli. Tiuj ĉapitroj estas enkondukataj per citoj el la Nova Testamento ekzemple paĝo 306 por la pravigo de reenkarniĝo. Paĝo 273, estas kritiko al la Romkatolika eklezio pro troa supraĵeco. Paĝo 212 prezentas la ekziston de potencaj aparatoj por transvidado (klarvida - magneta - mekanika) sed ties funkciado estas sekreta, do sen pliaj klarigoj.

La lingvaĵo estas konforma al la E°-fundamento, mi ne trovis ekstervortarajn neologismojn. Iom ĝenis min la ofta apero de "desapontiĝo", kiu estas en Suplemento de PIV, sed estas vorto tro portugalisma aŭ francisma, des pli, ke "elreviĝo" estas pli bela kaj klasike uzata. La tradukaĵo devas esti fidela se oni konsideras la konatan, spiritistan lertan tradukiston Affonso B.G. Soares, sed la Esperanta teksto meritus pli mallongajn frazojn, kun malplia uzado de tiu gerundio tro ŝatata de portugallingvanoj. La vorto, demarŝo, estas en PIV por la piednotita franca vorto "démarches" (paĝo 265). Komposteraroj estas maloftaj, krom en la piednotoj.

Estas facile dedukti, ke la teksto mem estis bone kontrolita kaj la piednotoj entute neglektitaj, domaĝe! Streketoj sufiĉe oftaj meze de vortoj estas sendube malobeo de komputiloj, kies malbona spirito regas sur nia tera mondo.

Konklude, se João de Moura Fé elektis tiun libron, kiel unu el la tri plej bonaj, kunportinda en malliberejon (vidu B.E. nº-306 paĝo 4) mi nur povas rekomendi la legon de "Memoraĵoj de sinmortigintoj" al ĉiuj spiritistoj. La aliaj decidu mem laŭ sia scivolemo, kuraĝo, mondkoncepto aŭ kredo sed ili bonvolu ne sinmortigi pro tio, mi petas.

Gilbert Ledon

Postskribo. *Nia redaktejo ricevis negativan kritikon pro tio, ke ni aperigis anonceton pri tiu libro en B/E. nº-306. Ni rememorigu, ke "Brazila Esperantisto" estas malfermita al ĉiuj esperantistoj. Kvankam tiu organo estas movada, ni ne povas malpermesi, ke la membroj iel esprimu siajn pensojn en nia tutmonda lingvo... la lingvo, kiu devas esti por toleremo, supertendenco kaj valora kulturo. Tial mi decidis legi kaj recenzi tiun "Memoraĵoj de sinmortiginto", kvankam mia menso, komprenkapablo de materialisto ne havas afinecon al la spiritisma doktrino.*




## Humuro

Pri malbona verkisto:
Sensperta ne bona verkisto prezentas sian unuan dramon al recenzisto, kiu, atente leginte ĝin, opinias:
- La verko bezonas alian finon, la protagonisto devus morti per pafado anstataŭ per veneno.
- Kial, sinjoro?
- Nu, ĉar tiamaniere la spektantoj certe vekiĝos!

**Flicts - Ziraldo - el la portugala esperantigis Kristoĉjo Resende - 50 paĝoj - eldonis Melhoramentos - 1999.**

Bonvena verketo por la infana publiko estas tiu "Flikc". Laŭ la citaĵo de Carlos Drummond de Andrade: "ĉio estas koloro..." ĉi tio helpas al la interpretado de la infanaj fantazioj, la koloroj vivas kaj vivigas. Mi tamen pensas, ke ne tiom facile la infanoj kaptas la simboligon de la escepto, kiom Ziraldo ĝin prezentas. La lumo, la ĉielarko la spektro estas fundamente sepkolora, sed la krajon-skatolo de la infanoj havas multe pli da koloroj. Tiel estas malfacile imagi, ke iu "Flikc" estas ekster la koloroj. Sed la fantazio de Ziraldo estas interesa.

Kion mi ne sukcesis aprobe akcepti estas tiu Usonaĵo "Flicts", kiun oni prononcigas "flikc". Ĉu la riĉa imagpovo de Ziraldo ne povus eltrovi pli taŭgan vorton sen submetiĝo al tiu usona hegemonio? Mi vere miras pri tio. Same miriga estas la nuna sinteno de la entuziasmoplena mentoro de la tuta afero, nome Roberto Resende, kiu antaŭ 11 jaroj en kongreso prezentis belan prelegon kontraŭ la moderna koloniismo de iuj "Flicts"?

Fakte en nia mondo ekzistas tute aparta koloro, kiu respondas al la difino de "flikc" sed estas facile ellernebla, prononcebla, komprenebla, ĝi estas Sepio. Ĉu "Sepio" ne estus pli bela titolo ol tiu alia stranga acefala cefalopodo "Flicts"?

Kompare al "La knabo frenezeta" la nuna teksto, laŭ lingvaĵo estas konsiderinde pli bona, pli taŭga por infanoj. Ne estas komposteraroj en la teksto mem, sed eviteblaj estus la eraroj de la kolofono, unua linio kun "lingu̲ajn rima̲kojn", kaj, kiuj estas tiuj strangaj **y**, en la dediĉo? En la lasta kovrilpaĝo Roberto p̲e̲feras. Mi scias, ke reviziado estas terura afero, tamen...

Aĉetu Flikcon por viaj gefiloj, genepoj, gekuzoj, ili tion meritas.

Gilbert Ledon

# KONSIDEROJ PRI VORTAROJ

DICIONÁRIO DO PRINCIPIANTE

La vortaristo, verkisto, poeto, eks-akademiano Prof.-ro Sylla Chaves dumvive okupas sin por "La bona lingvo" eble pli ol Claude Piron. Tial la vortaro "Dicionário do Principiante" aparte kaj la gramatikaj notoj "O Esperanto num Relance" ĵus eldonitaj celas helpon al la komencantoj. Mi opinias, ke per tiuj bone prezentitaj, facile kompreneblaj, do vere didaktikaj verketoj la lernantoj ne plu havos pravigon por resti "eternaj komencantoj".

Sylla praktike elstarigas la flekseblecon de Esperanto tiel, ke per 1300 fundamentaj vortoj kaj la koncernaj 4500 derivitaj pliaj vortoj ĉiuj esperantistoj povas fariĝi Esperanto-parolantoj. Ni ne forgesu la riĉecon de niaj afiksoj, kaj la eblecoj de senfinaj aglutinadoj permesas la esprimon de absolute ĉiuj ideoj elpenseblaj de la homa menso.

Iom kontraŭstare al Sylla, kiu opinias ke "esperantisto" kun "interna ideo" ne bezonas esti "esperanto-parolanto",mi estas certa,ke Esperanto-parolanto estas absolute necesa por ke nia lingvo fariĝu la tutmonda lingvo kun aŭ sen esperantismo. Feliĉe la verkoj de Sylla permesas tion, t.e. ke la esperantistoj uzu flue sian lingvon.

Ni scias, ke en nia ĉiutaga vivo ni ne bezonas koni grandan vortprovizon por nin klare esprimi sen krokodilado, la simpla vortaro de Sylla estas des pli utila kaj bonvena. La saĝa sinteno de la aŭtoro, kiu ne favoras la enkondukon de senfinaj neologismoj, konfirmas, ke nia lingvo evoluas sur firma fundamento.

Mi rekomendas, ke ĉiuj kursgvidantoj indiku "Dicionário do principiante" kaj "O Esperanto num relance" al siaj lernantoj, neniu bedaŭros.

G. Ledon

Sylla Chaves

DICIONÁRIO
DO PRINCIPIANTE



Esperanto-Português



1ª edição

1999

**QUADRO GERAL DE PREFIXOS E SUFIXOS**

Neste curso estão sendo ensinados os seguintes afixos (que aqui permitem uma visão conjunta):

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| **AĈ** | **popolaĉo** | (ralé) | **ID** | **bovido** | (bezerro) |
| **AD** | **pafado** | (tiroteio) | **IG** | **mortigi** | (matar) |
| **AĴ** | **manĝaĵo** | (comida) | **IĜ** | **naskiĝi** | (nascer) |
| **AN** | **kristano** | (cristão) | **IL** | **levilo** | (alavanca) |
| **ANT** | **lernanto** | (aluno) | **IN** | **bovino** | (vaca) |
| **AR** | **arbaro** | (floresta) | **IND** | **mirinda** | (admirável) |
| **AT** | **amato** | (amado) | **INT** | **fuĝinto** | (fugitivo) |
| **BO** | **bofilo** | (genro) | **ISM** | **pacismo** | (pacifismo) |
| **ĈEF** | **ĉefurbo** | (capital) | **IST** | **maristo** | (marinheiro) |
| **DIS** | **disrompi** | (espedaçar) | **IT** | **kaptito** | (prisioneiro) |
| **EBL** | **videbla** | (visível) | **MAL** | **malalta** | (baixo) |
| **EC** | **klareco** | (clareza) | **OBL** | **trioblo** | (triplo) |
| **EG** | **petegi** | (suplicar) | **ON** | **duono** | (metade) |
| **EJ** | **preĝejo** | (igreja) | **ONT** | **venonta** | (vindouro) |
| **EK** | **ekvidi** | (avistar) | **OP** | **duope** | (de 2 em 2) |
| **EM** | **kredema** | (crédulo) | **OT** | **naskoto** | (nascituro) |
| **ER** | **ĉenero** | (elo) | **PRA** | **praavo** | (bisavô) |
| **ESTR** | **urbestro** | (prefeito) | **RE** | **revidi** | (rever) |
| **ET** | **rideti** | (sorrir) | **UJ** | **rozujo** | (roseira) |
| **GE** | **geedzoj** | (casal) | **UL** | **junulo** | (rapaz) |
| **I** | **Francio** | (França) | **UM** | **plenumi** | (executar) |

Dos afixos acima, apenas um não é oficial: **I**, com que formamos nomes geográficos. E aqui foi também ensinado o substantivo **viro** (varão), usado como prefixo, ***v.g.*** em **virbovo** (touro). No capítulo 10 veremos outras palavras usadas como prefixo. E nas notas complementares veremos os afixos oficiais que ainda falta mostrar.

LA KNABO FRENEZETA

Ziraldo






# LA ADOLESKANTINO

Antaŭ tagoj, trairante Brazilcentralon en urbocentro, Rio-de-ĵanejro, mi spektis ion, kio vere impresis min. Tuj kiam mi eniris en tiun grandegan halon, komuna trairejo al la homoj en la ĉiutagaj okupoj, sekvis, ĉe mi, knabino kiu ĵus petegis al sinjorino ĉe unu el tiuj kafejoj, ke ŝi pagu al ŝi ion por manĝi. Mi observis ŝin konsidere kaj kompate. Pro ŝia vizaĝo kaj korpo, ŝia aĝo facile povus erarigi: 11, 12, 13-jaraĝa. Jes. Oni kalkulis pli-malpli tion. Sed, ŝia korpeto de virino jam vokis la atenton de viroj! Elstaraj mamoj sub malgranda helverda robo kiu nur atingis komencon de la femuroj. Kaj la sidvango klare elmontriĝis! Facile oni vidis la silueton de la kalsoneto nigra kiu ŝin vestis. Ŝiaj mallongaj hararoj falis, ĉiumomente sur la okulojn kaj ŝi, montrante elegantecon de virino tuj ĵetis ilin sur la kapon. Tiel ŝi sekvis min, ne rigardante min fikse en la okulojn sed ŝajnigante ĉion, kion mi bone sciis. Tuj poste, kiam ŝi atingis trajnobiletejon, ŝi apudiĝis al ĝi, demetis la kalkanumo-sandalojn kaj sidiĝis sur ilin, zorgante protekti tuj la femurojn, kies kalsoneto videble aperis. Tuj ŝi ekkomencis rigardi al ĉiuj, kiuj sin alproksimis por aĉeti trajnobileton.

- Sinjoro, donu al mi monon... Pagu lunĉon al mi... Mi bezonas manĝiÉ

Kiam ŝi levis la manon, ŝi zorge protektis (aŭ ŝajnigis tion...) la femurojn kie la kalsoneto tuj montriĝis... Kaj tio estis spektaklo por ĉiuj kiuj trapasis, precipe la viroj kiuj ne perdis la bonan oportunon por iomete malice rigardi... Kaj mi, pli bone ŝin observante, rimarkis en ŝia brako belan virhorloĝon, kio kontrastis . Analizante tion, facile estis konkludi, ke la brak-horloĝo eble estis de iu ĝigolo, ŝakranto aŭ marĝenulo kiu ekspluatas tian komercon, ĉe la submondo de Brazilcentralo.

Poste, sekvante mian vojon mi pensis pri tio, kion mi ĵus vidis. Samtempe mi pripensis pri la



Adoleskintino "Onklineto"

neglekto de Brazilo rilate al la zorgo de la infanoj kaj adoleskantoj forlasitaj en tia situacio. Junaĝuloj kiuj devus esti en kolegio, por lerni profesion, cele al la estonto de la nacio - troviĝas en profunda forlaso. Kaj prave oni diras ke Brazilo ne estas serioza lando... Tiu knabino, anonima inter miloj da aliaj infanoj kaj adoleskantoj dissemitaj tra Brazilo sen kuracista, eduka kaj familia asisto, vere spegulas la nigran facon de la identigo de la brazilanoj! Ŝia futuro estos samkiel multaj aliaj malfeliĉuloj kiuj fine falas en la manojn de marĝenuloj, ŝakrantoj kaj krimuloj kiuj kondukas ilin al malespero sur vojo sen elturniĝeblo. Tio estas la mondo de Brazilcentralo, la dubaj noktoj, kaj la danĝera prostitucio...

*Noto*: Tiu laboro estis publikigita, portugallingve en la gazetaro sub la titolo "A Menina da Central."

Daniel Peliz

## KURACISTOJ OPINIAS

## LABORI POR SANO

Laŭ Monda San-Organizo, sano estas kompleta bona stato je fizika, psika kaj socia vidpunkto. Brazila Konstitucio konsideras ke sano estas rajto de brazilanoj kaj devo de ŝtato. En la ĉiutaga vivo okazas alia situacio kiu similas (mi opinias) en diversaj landoj: sano estas komerca objekto farita de diversaj entreprenoj kiuj agas internacie, premante la kuracistojn (ekde la tempo de fakultato) por vendi medikamentojn kaj medicinajn aparatojn. Laŭ fama patologo, profesoro Walter Edgard Maffei, la kuracistoj estas stratvendistoj de la industrio.

Do mi vidas ke **ekzistas industrio de malsano; pro tio** ni devas konsciigi la homojn, precipe esperantistojn pri la necesa laborado koncerne sanan demandon.

Por solvi la problemon de sano en la tuta mondo, ni devas labori kune. Izole, la kuracisto nenion sukcesas fari.

Ĉiu civitano devas zorgi pri sano ĉar li havas multajn problemojn por diskuti, ekzemple, pere de instruistoj, flegistoj, farmaciistoj, sociologoj, politikistoj, juristoj, laboristoj en diversaj entreprenoj, agrikulturistoj, ekologiistoj, ĵurnalistoj kaj artistoj kiuj povas konsciigi la popolon rilate al sanaj problemoj pere de muzikaĵoj, teatraĵoj, filmoj, ktp.

Finfine, ni kredas ke iu kiu konsideras la socion celanta la homojn devas agadi por plibonigi nian vivon, kontraŭstari al la "posedantoj" de la mondo kiuj malhelpas homojn pere de milito kaj aliaj detruoj de la naturo, inkluzivante la sanon.

Esperantista filozofio favoras la vivon de la homaro; pro tio, ni laboras en tiu senco, kunordigante ĉiujaran Rendevuon pri Esperanto kiel Laborlingvo ĉe la Kampo de la Sano kaj invitas ĉiujn prepari materialon por diskuti dum la venonta jaro en junio.

Izao Carneiro Soares



## BENO AL INFANOJ

*Rota*-viruso estas la ĉefa kaŭzanto de grava lakso al beboj kaj etaj infanoj. Ĉirkaŭ 90% el ili malsaniĝas de tiu infekto ĝis la tria vivojaro, malgraŭ ĉia higiena preventagado. Tio okazas en evoluintaj kaj neevoluintaj landoj, sed eblas eviti la morton, kiam oni disponas pri rehidratigaj rimedoj. Tamen, eĉ en Usono okazas ĉiujare tri milionoj da kazoj, el kiuj 55000 ĝis 100000 pacientoj estas enhospitaligitaj.

La viruso estis identigita en 1973, fare de la aŭstralia esploristino Ruth F. Bishop. De tiam oni penas produkti vakcinon kontraŭ ĝi, sed la mikrobo ĉiam montriĝas tre malfacile kulturebla. Nun oni esperas, ke *Food and Drug Administration* - la oficiala usona organo, kiu liveras permeson por ĝenerala uzado de kuraciloj kaj nutraĵoj - baldaŭ aprobu la enmerkatigon de ĵus produktita vakcino.

Monda San-Organizo jam konsideras rekomendi ĝin al evoluantaj landoj, kie la malsano manifestiĝas multe pli tragike. En malriĉa regiono de Karakaso, Venezuelo, la vakcino evitis gravan lakson je 80%, kiam oni observis ĝian efikecon ĉe pli ol 1000 infanoj. Kurioze, la statistikoj montris, ke ĝi evitas ĉefe gravajn kazojn.

Koncerne kostojn, oni provizore kalkulas, ke unuopa prezo de dozo estos ĉirkaŭ 30 dolaroj - favora cifero, se oni pensas pri amasatinga malsano. Beno al infanoj.

Paulo S. Viana

## "REAGO" AL TEKSTOJ:

Eŭklides Ĵeraldis (E-literumo, por ke alilandanoj sciu ĝuste prononci portugalajn nomojn) -LINGUAPAX - Bonega rezonado, kun konkludo konforma al nia propono, nome, "La dua lingvo por ĉiu sed por ĉiuj la sama". Aldone mi aplaŭdas lian ĝustan aserton: lingva instruado, ne lingva edukado. De longe naŭzas min la adopto, far nialanda registaro, tiu de Ministerio de Edukado, anst. de instruado. - Edukon oni ricevas hejme. Kara profesoro Ĵeraldis, mi daŭras ĉe mia teorio: varbi triagradanojn por nia afero. Ili, verdigitaj, poste aktivos potence. Ĉiu en sia kampo, kaj logos E-lernantojn. Viva ekzemplo konstateblas. En la provinco Parana' iu instruisto (Zumas?) en ĉiu jarkomenco reklamas Esperanton en sia klaso. Tio rezultigas plurajn leterojn de lernantoj al mi. Tuj ili ricevas la unuan lecionon de perpoŝta kurso plus leteron mian. - La E-movado bezonas rezidejon de studentoj kie ili loĝos ĉipe sed kompense ili devigu sin lerni/instrui Esperanton. ĈIU el ni nepre kaj daŭre tenu "fiŝhokon en fiŝkaptejon" (SENA-veto). Nia idealo ja estas nobla. Tial, mi fidas ke la Plejaltulo, iam manovros por ke unu el ni kaptos oroplenan "fiŝegon" kaj starigos la ravitan rezidejon. Ĉu konsentite?

Vicente Vernek - Pensu je Mi - Valora omaĝo al la konata duopo tamen la traduko tro ankras ĉe brazilaj dirmanieroj. Mankas pli akurata prilaboro.

Johano M. Fé - La Tri Libroj - Saĝa elekto, bona lingvaĵo.

Anonima teksto - Libervola Misuzo de E-' - Ruza maniero irigi suspekto-sagon en la kapon de ĉiuj, kiuj tro haste surpaperigas E-tekston aŭ emas enkonduki nenecesajn neologismojn.

Hilarina Ajres - Aborto - Inteligenta pritrakto, bona lingvouzo sed enŝteliĝis jena cifero... unuN. Mi tute konsentas kun ŝi.

Maria Almada - Miaj Kunvojaĝantoj - Ŝi pravas. La mondo tro plenas de urĝaj homoj. Al neniu restas tempo harmonie vivi kun la naturo kaj senkonscie akcelas la memmortigon de la homaro.

G. Ledon - Ili Vivis sur la Tero - Pri liaj dirmanieroj mi asertas: kelkfoje la leganto sentas sin en kirlilo aŭ en orbito...hi...hi... - Raporto pri la E-evento en Bogota-urbo - Ni povraj malriĉuloj, kiuj devis resti hejme, ŝuldas dankon al nia samideano, pro lia informo, kiel marŝis la 4-a Tutamerika K. de E-'.

Verner Ŝad - Bariloĉea E-rondo - Edifa kontribuaĵo de Ĝian Karlo Fighiera.

PY3ACE - Danĝera Armilo - Serioze pripensinda temo. En la REAGO-teksto denove koboldo hantis la fingrojn de la tajpist(ino) - Ĝuste: Kiu plenumas kontentige la TASKON (ne, faskon).

Ismael M. Silva - Bonega oreltiro por ni, la eternaj prokrastemuloj.

Kristoĉjo - Daŭru tiel, paradigmo de ĉiuj esperantistidoj!

Jazon G. Lima - Ja, bonintenculoj ofte malhelpas - La Verda Rondo per radio daŭras, mia kara. Ne mortigu nin per resopiro je via voĉo.

PY3ACE

## NORMOJ DE HOMA KUNVIVADO

Kiam ekaperis sur la tero la unuaj homoj, tie stariĝis ankaŭ la radikoj de la juro pere de la unuaj normoj de la homa kunvivado.

Oni ĝenerale supozas, ke ili estis paro kaj ĉar la viro fizike estas pli forta, ili konsentis ke, dum la virino zorgas pri la domo, la viro zorgus pri provizo de la manĝaĵo kaj la defendo de la hejmo kontraŭ la minaco de la sovaĝaj bestoj. Tiuj estis la unuaj normoj de la homa kunvivado.

Poste, ekaperis la filoj kaj tie la origino de la familio, kies normoj ampleksis pli kaj pli, proporcie al la plimultigo de la familia grupo.

La ekapero de novaj familiaj grupoj kaj la kunigo inter ili, starigis novajn vivkondiĉajn normojn kaj konsekvence la komprenon pri la graveco de la unuiĝo inter la grupoj por ke ili fariĝu pli fortaj.

Estas tiuj malproksimaj pratempoj, kiuj naskis la unuajn jurajn fulmbrilojn. Multaj jarcentoj forpasis antaŭ la apero de la unuaj skribitaj kodoj, sed spite la klopodoj de la plej saĝaj homoj kaj la konstantaj kontribuoj pere de juraj verkoj, malfeliĉe la homo ankoraŭ ne sukcesis trovi idealajn normojn kapablajn solvi la konfliktojn inter la popoloj kaj politikan modelon kapabla elimini la sociajn maljustecojn.

La homa ambicio pri povo kaj riĉeco sendube estas unu el la plej evidentaj faktoroj de tiu grava socia fenomeno.

Ĉu estos solvo pri tiaj problemoj? Laŭ saĝa opinio de la scienculo Charles Darwin, "La homo estas nur la rezultato de miljara evoluo ankoraŭ ne finita". Tio montras al ni, almenaŭ etan lumon ĉe la tunelfino, do la homo bazita en la sperto akirita dum la jarcentoj konscia pri la moralaj valoroj de la homa persono, kiam lia provevolua tempo permesos, li konsciiĝos pri la saĝa maksimo: -Ne faru al la aliaj kion vi ne volas ke ili al vi faru.Aŭ faru al via proksimulo nur tion,kion vi volas ke ili al vi faru. Ni kredas ke nur tiam regos justeco en la mondo kaj la homo efektive estos feliĉa.

Osvaldo Pires de Holanda

## EL LA LETERKESTO

PRI ABORTO: "*En la marta numero de la revuo vi publikigis la artikolon "Aborto", kiu povas provoki polemikon. Mi opinias, ke oni devas lasi tiajn temojn al sendependaj esperantlingvaj publikaĵoj, kiuj eble ŝatas la malagrablan ludon de kontraŭaj respondoj kaj pluaj replikoj. La nekontenta leganto povas simple malaboni tian revuon, sed oni ja ne ŝatus malaboni la oficialan organon de BEL aŭ UEA.*

*Frato Bertino Goerner*

NDLR- Aplikiĝas nia postskribo de paĝo 9

PRI KONGRESOJ: "*Pro privataj spertoj partopreni en kaj organizi eventojn, mi kuraĝas opinii pri organizo de kongresoj. Estas facile diveni, ke spite de laboro organizi renkontiĝojn, tiu laboro ĉiam prezentas problemojn. Mi supozas, ke unu el la kaŭzoj de la organiza problemo estas manko de kapitalo por lui kongresejon, sekve ni ĉiam dependas de la bonvolo de la ŝtata sistemo (lernejo, fakultato, ktp.). Sen difinita loko, ni eĉ ne bone sukcesas antaŭvidi kiom da prelegoj povas okazi samtempe. Ni dependas de strikoj, lerneja kalendaro, kaj de aliaj faktoroj sendependaj de ni. Alia kaŭzo estas manko de administra sperto... Eble mia vidpunkto ne estas korekta. Estas propagando ĉie de la dutaga seminario de Dalai Lama, kiu okazis la 5-an kaj la 6-an de Aprilo. Ĉiu partoprenanto pagas pli ol cent realoj. Vidu, dutaga=+100,00. Ĝi estas tre multekosta. Ĝia propagando estis luksa, kaj la televido faris bonegan raporton. Eble ili petis al firmao organizi la tutan seminarion. Kaj ni komparu kun la niaj. Niaj kongresoj estas elkoraj, tion mi scias. Mi sentas min en familia rondo, malgraŭ ĉiuj problemoj. Se ni kalkulas ĉi-sence, la niaj estas la plej bonaj.*

*Gloria Lucia Perine*

KVAR ANGULOJ, dulingva informilo, Majo/99- nº 3: "Al niaj samideanoj: Ekde la unua numero ni invitas vin ĉiujn al la kunlaboro. Multaj legantoj estas malkontentaj, ĉar Kvar Anguloj aperigas malmultajn informojn pri la movado esperantista interne de niaj enlandaj asocioj. Niaj paĝoj ankaŭ estas malfermitaj al artikoloj pri la laboroj kaj pri la ĝeneralaj aferoj koncernantaj nian movadon. Nia propono estas, ekde la komenco, trafi precipe la neesperantistojn, t.e. la ĝeneralan publikon. Ni bezonas la apogon de niaj laboristoj. Oni ne povas en Campos scii kio okazas en fora Brazilo. Bv. do informi pri via agado en Esperantujo. Pro tio ni invitas vin al la kunlaboro, informu nin pri vi, pri via konstanta agado, pri viaj malfacilaĵoj kaj esperoj. Ni fidas je via apogo!"

## RENKONTIĜOJ

-36-a E-RENKONTIĜO DE SUDPARAIBA VALO, la 13-an/06/99.Okazinta en Resende, RJ ĉe ACIAR, ekde la 9:00-a ĝis 16:00-a horo, per varia programo gvide de Sírio Silva. Prelegis Jorge das Neves pri "Kromoterapio" kaj Carlos Pettinati Ramos pri "Turismo en nia Regiono".

21-a E-RENKONTIĜO de ŜTATO SAN-PAŬLO, 02-04/04/99, en urbo Franca. Debattemo:"Perspektivoj de la Movado en la Proksima Jarcento", kunordige de Symilde S.Ledon kaj partoprene de Ivon Barbosa, Osvaldo Pires de Holanda kaj James Rezende Piton. Aŭspiciis EASP kaj organizis ĜEZ kaj SEK de Franca. La sidejo estis la impona Colégio Champagnat.



-2-a RENDEVUO PRI E-º kiel LABORLINGVO ĉe la KAMPO DE LA SANO; 03-05/06/99 en Ribeirão Preto, SP ĉe Kultura Centro Esperantista de RP, dum ĵaŭdo kaj vendredo, per ĉeesto de proksimume trideko da personoj. Okazis diversaj programeroj, inter ili prelegoj interesaj pri medicino kaj paralelaj sanigaspektoj. Sabate estis ekskurso al Altinópolis, kie matene prezentiĝis prelegoj pri "Ĉina Medicino", "Malsano precipe en la Menso", "Sanigrimedoj". Posttagmeze per aŭtobuso estis interesa vizito al la groto kaj akvofalo de Itambé.



-La 9-a RENKONTIĜO REGIONA DE E-º, en Serrana efektiviĝis per la samaj organizantoj kun programeroj prezente de Amarílio H. Carvalho, eminenta vendisto de ĉemizoj "je prezo de banano". Prelegis Ivon Barbosa kaj Gilbert Ledon. Entute kvardeko da partoprenantoj el diversaj urboj partoprenis la renkonton. Ambaŭ okazigoj estas programitaj ĉiujare dum periodo entenanta la festotagon de la 6-a de Junio.

# INTERNACIE

**MUZIK-GRUPO AMIKARO**

"Deutschland Top 10" signifas la 10 plej vendataj kompakt-diskoj en Germanio, en tiu ĉiusemajne eldonata listo la KD "Esperanto" de la muzik-grupo Amikaro estas en la unua loko!

**ELDONEJAJ KUNLABORANTOJ**

"La germana registaro decidis ke ekde la l-a de januaro 1999 ĉiu memstarulo, ekz. arkitekto, ĵurnalisto, aŭtoro, ktp.) estas "ŝajnmemstarulo", se li aŭ ŝi nur laboras por unu firmao aŭ ne havas dungitojn krom el la propra familio. Mia MZ-Eldonejo laboris kun tiaj homoj pere de interreto. Tio nun ne plu eblas, ĉar oni minacas firmaojn kunlaborantajn kun tiaj "ŝajnmemstaruloj" pagi al la "socialaj" asekuroj kvarjaran kotizon, se ili laboras kun ili. Tio signifas sumon de minimume kvindek mil markoj po "ŝajnmemstarulo". Tiaj ankaŭ ne plu ŝatas labori, ĉar mi devas subtrahi 20% de ilia honorario por la "sociala" asekuro.Memstaruloj kutime havas privatan asekuron, do tiu pago ne necesas. Ĝi estas kvazaŭ aldona imposto. Ekde la l-a de aprilo ankaŭ forkuris ĉiuj, kiuj antaŭe laboris sub iu leĝo, kiu ebligis enspezi malmulte sen pagi impostojn. Sed laŭ la nova leĝo ili devas pagi impostojn kaj tiel la hora enspezo reduktiĝas, ke la laboro en Germanio ne plu indas. Pro tiuj leĝoj jam perdiĝis 700000 laborlokoj. Multaj vendejoj fermiĝas, pro manko de vendistoj, ĉar ili ne povas dungi tuttagajn pro tio ke klientoj nur venas certatempe. En multaj restoracioj oni ne plu ricevas manĝon ĉar mankas servistoj. Bierĝardenoj ne plu funkcias, ĉar tie oni nur servas kiam estas bela vetero. Diskotekoj bankrotas. Tial ankaŭ al mia eldonejo mankas kunlaborantoj. La novaj leĝoj "ŝtelis" ilin. Tial mi nun serĉas kunlaborantojn en eksterlando. En Aŭstrio mi jam trovis bonegan tajpistinon. Pro tiuj leĝoj ankaŭ multaj prezoj altiĝis. Mia presejo altigis la prezojn je 40%. Tiam ne plu indas presigi librojn. Kial esperantistoj ne profitu? Mi promesis eldoni kelkajn librojn en E-° antaŭ UK en Berlino. Por tio mi serĉas kunlaboranton aŭ presejon, kiu finpretigos tiujn librojn.Necesas bona kono de E-°, komputilo kun legilo por kompostprogramo Corel Publisher. Krome mi serĉas kunlaborantojn ekster Germanio regantaj germanan lingvon por simile fari por germanlingvaj libroj. Krome necesas desegnistoj. Se troviĝas esperantistoj ŝatantaj okupiĝi pri tiuj aferoj, ili bv. kontakti min por interkonsenti pri la honorario. Se troviĝas fakuloj, kiuj povus konsili translokiĝon de nia firmao al la lando ekster Germanio oferante pli bonajn kondiĉojn al firmaoj aŭ memstaruloj, ni ankaŭ ĝojus. Kondiĉo por tio tamen estas, ke almenaŭ en la limregiono oni parolas germane kaj ke eblas liveri poŝtaĵojn al germana poŝtejo. *Harald Schicke. "MZ-Verlag"*
*<info@mz-verlag.de>*

-ANDALUZIA Esperanto-Unuiĝo ekigis la 20-an de Novembro, 98 elsendojn en E-° pere de la Interreto. Oni bezonas la programon Real Audio (senpage akirebla ĉe www.real.com

-PROJEKTOJ por Azia Movado

A:Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj.A-1:Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso

A-2: Interŝanĝadi kaj sendi informojn.

B : Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri E-°. C: aligi aziajn aktivulojn al UEA. D:helpi pri E-libroj. D-1:eldono de necesaj libroj. D-2:transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj E-istoj kaj E-organizaĵoj.

## -HAVANO VOKAS: Frekvencoj kaj horaroj

| Horo UTC | M | KHZ | REGIONO |
|---|---|---|---|
| 7.00 | 31 | 9820 | Okc.Norda Ameriko kaj Pacifika Azio |
| 15.00 | 25 | 11760 | Tuta Ameriko kaj Karibio |
| 19.30 | 21 | 13715 | Eŭropo kaj Mediteraneo |
| 22.00 | 21 | 13715 | Eŭropo kaj Mediteraneo |
| 23.30 | 25 | 11760 | Tuta Ameriko kaj Karibio |
| | 49 | 6070 | |

Dum marto efektiviĝis kongreso de la kubaj ĵurnalistoj kaj tie estis pritraktita la situacio de radiostacioj tutlande. Partoprenis ĝin funkciuloj kaj aŭtoritatuloj de radio, televido, gazetoj, ktp. La reprezentantoj de Radio Havano tie raportis pri la elsendo en 9 lingvoj kaj menciis E-on antaŭ kelkcentaj ĵurnalistoj. Estas bonvenata ricevado de korespondaĵo interkontakte.Al la Tria Nacia Kongreso de KEA, 11-13/03/99, ĉeestis pli ol cent kubanoj kaj deko da eksterlandanoj. Okazis 5 elsendoj raportante pri intervjuoj,programeroj kaj ceteraĵoj.

REKOMENDOJ DE LA KONSULTEJO DE AKADEMIO DE ESPERANTO

-Por *inline skates*: rulŝuo, jam vaste uzata, estas ŝuo kun radetoj aranĝitaj unu aŭ duvice; do por *inline skates* ni rekomendas "unuvicaj rulŝuoj".

-Por *halfpipe*: "duontubo" - tiuforma instalaĵo por pendole veturi en ĝi per rultabulo.

-Por *gameboy* (varnomo): ludkomputil(et)o - tiuspeca portebla aparateto kun ludprogramo, precipe por infanoj.

-Krome oni demandis, ĉu la terminoj "poŝtelefono" kaj "kompaktdiskilo" estas akcepteblaj. Tion la konsulta komisiono jesis, aldonante ke por portebla kompaktdiskilo sufiĉas kutime ankaŭ la termino "poŝdiskilo".

La konsulta komisiono atentigas, ke tiuj ĉi rekomendoj ne estas decido de la AE. Lingvajn demandojn ĉiuj povas direkti al la direktoro de la konsulta komisiono:

Stefan Maul,Pferseer Str.15, DE+86150 Augsburg,GE
maul@nezsfactory.net

# EVENTOJ - INTERNACIE

IEK-99 en METZ, FRANCIO
Internacia E-Konferenco 1999 okazos en Metz, FR. Temo: "Mono kaj Civilizo". 17-23/07/99. http//osiek.org/iek/metz99.html

53-a ARGENTINA KONGRESO DE E-º
Temo:"Naturprotektado kaj Vivkondiĉoj". San Carlos de Bariloche, Argentina Patagonio, apud la lago Nahuel Huapi. 08-11/10/99. Alejandro Cossavella, Lilinguén 309 Pinar de Festa (8400) S.C. de Bariloche,Rio Negro-AR.

7-a SEPA INTERNACIA E-SEMAJNO
DE LA KULTURO KAJ TURISMO
02-09/10/99, en urbo Cambrils,Tarragona (Katalunujo-Hispanujo).
luis serrano@mixmail.com

84-a UK, Berlino-GE: 31/07/99. Temo:Tutmondiĝo - ŝancoj por paco?

72-a SAT-Kongreso. 24-31/07/99-Karlovy Vary; CZ. http://zeb.telecom.cz/kava-pech

**JURISTOJ SERĈATAJ**

Eŭro-Kultura Fondaĵo baze subtenas diverskulturajn agadojn kaj agantajn personojn. En tiu kadro ĝi publikigos diversajn interesajn kaj valorajn Esperanto-publikaĵojn kaj tekstojn en interreto. La Fondaĵo decidis starigi liston de diverslandaj advokatoj, kiuj kaj parolas kaj komprenas fremdajn lingvojn, kaj ŝatus ankaŭ labori kun alilandaj kolegoj kaj klientoj, por plibonigi interrilatojn, sed ankaŭ por havi pli da kromaj klientoj, kaj sekve iom pli da kroma mono. La organizantoj bonvenigas ankaŭ juristojn-esperantistojn, kiuj volas esti registritaj en la listo. Ju pli da esperantistoj aliĝos, ju pli da landaj delegitoj subtenos Esperanton (Ĉar estas esperantistoj), des pli ni sukcesos plialtigi la rangon de E-o kiel grava interjurista lingvo. Samtempe la Fondaĵo komencos publikigi nacilingvajn kaj E-lingvajn jurajn tekstojn, dokumentojn en interreto por komenci sukcespromesan fakan kampanjon.
Petu de ni pliajn detalojn kaj konkretan aliĝ-enketilon: George D. Winkler, kuratoro. Euro-Jus p/a Euro-Kultur-Stiftung, Kaiser-Ludwig-Platz 5 III. DE-80336 Munchen,Germanio.
Rete: eurokultl@aol.com

# DEZIRAS KORESPONDI

-**Marschall Gérard**, aĝo 45, oficisto. Hobioj: Filatelio - Ĝardenaĵo. Deziras korespondi kun Ekster Eŭropo, vir(in)o kaj Filatelia interŝanĝo.
99,Rue des Trois-Chateaux. F-68000,Colmar;FRANCIO.
-**Katya Virginia** de S. Ramos, aĝo 34, biomedicinisto. Hobioj:Leterumi, kuiri, aŭskulti muzikon ("Pop-Rok") de jardekoj 60 kaj 70, spekti filmojn, legi, interŝanĝi poŝtkartojn.Landoj dezirataj:Britio,Francio, Usono, Italio, Germanio, Nederlando, Aŭstrio, Hispanio, Kanado,Skotlando, Pollando, Grekio, Portugalio, Rusio, Norvegio, Svedio, Svisio, Egiptio, Hindio. Aĝo dezirata: 40. Pri infana literaturo, poezio, muzikistaro, kuirarto kaj eldonado. Prefere kun verkistoj, eldonantoj, tradukistoj, poetoj.Adreso:Tv.Humaitá,1936-Marco. BR-66093-110. Belém PA.
-**Reynaldo Rodriguez Varela**, mekanika inĝeniero, deziras korespondi kun homoj el ĉiuj landoj kaj ricevi revuojn. Adreso: Libertad,684 c/Línea y Goss; Stos Suárez - CUBA.
**Germán Eduardo Becerra**, deziras korespondi kun gesamideanoj tra la mondo kaj interŝanĝi pk-ojn, revuojn, ktp. Adresoj: A.A. 255 Ibagué-Tolima,COLOMBIA.
<germaneb@hotmail.com>
**ILHÉUS E-GRUPO** prezentas jenajn lernantinojn, kiuj estas respektive sekretariino, vic-prezidantino kaj kasistino de la IEG, dezirantaj korespondadi kun gesamideanoj de Brazilo por lingva perfektiĝo:**Simone M. da Conceição**,e-mail:smm@bitsnet.com.b**Tereza Cristina S. de Sá**, e-mail: tereza sa@mailbr.com.br
**Telma S. Soares de Sá**,e-mail:tereza sa@mailbr.com.br
Aŭ ĉe IEG:Rua Gal.Câmara,102-Ilhéus,BA;45650-000.
**RUSIO**- Esperanto-Grupo Detskij Dom # 59 ul. Vavilova, 90-Krasnojarskm 660059-Siberio. Rusio. La gelernantoj deziras korespondi tutmonde(la aĝo ne gravas):
F-ino **Aleksandra Balova**, 17 j. Hobioj:teatro, desegnado, bildkartoj. F-lo **Maksim Labuzov**, 14 j. Ludas balalajkon, hobioj:muziko,dancoj, kalendaroj. F-lo **Jevgenij Sadovnikov** , 12 j. Hobioj:piedpilko, teniso bokso, gitarludo, balaj dancoj. F-lo **Nicolaj Antonov**,15 j. Hobioj: muziko, piedpilko, bildkartoj, komputiloj. F-lo **Andrej Kondiakov**, 11 j. Hobioj:teniso, piedpilko, komputiloj, kalendaretoj.F-lo **Pavel Gabrilov**, 13 j. Hobioj: bokso, teniso, piedpilko, bildkartoj. F-lo **Aleksandr Janchuk**, 13 j. Hobioj: teniso, piedpilko, muziko, glumarkoj, libroj. F-lo **Denis Nezbutnij**, 15 j. Hobioj: komputiloj, bokso, balaj dancoj, sonkasedoj, bildkartoj. F-ino **Tatjana Cheblukova**,12 j.Hobioj: muziko, legado, kalendaretoj.F-ino**Tatjana Mechova**, 14 j. Hobioj: legado, modo, muziko, bildkartoj. F-lo **Oleg Horoshilov**,13 j.Hobioj: teniso, piedpilko, korbopilko, muziko, sonkasedoj.F-lo **Michael Kondiakov**, 15j. Hobioj: karateo, bokso, teniso, piedpilko,retpilko,legado,bildkartoj.

# DIVERSAĴOJ

## EL "KURIERO DE UNESKO"

Nia planedo. Antarkto: Horizonto malheliĝas. En 1959, internacia traktato igis el Antarkton la "Kontinento de Paco kaj Scienco. Antaŭ ok jaroj, kroma protokolo aneksiĝis por pli bone ŝirmi ĉirkaŭaĵon de tiu izolita teritorio. Tamen, ombro de poluo el aliloke venanta ĉiam ŝvebas. En kunveno de la subskribintaj landoj okazanta en Limo, Peruo, David Walton, fakulo el Brita Antarkta Serĉado klarigas, kial gravas por ĉiuj konservi la restintaĵon "de la plej pura loko de la planedo".

## LA LEGENDA FILMO "INCUBUS"

La legenda filmo "Incubus", en kiu rolis William Shatner (tuj poste ekfamiĝinta kiel Kapitano Kirk en multjardeka serio "Star Trek"), estas relanĉita nun en vidbenda formo. Ĝia aparta intereso, por tiuj, kiuj ne konas ĝin kiel legenda: longa filmo tute parolata nur en Esperanto (kun subtitoloj en la angla). Laŭ la diroj, temas pri vere elstara fantasta filmo. Detalojn pri ĝia produktado, sonspecimenon de la forta akĉento de la aktoroj (inkluzive de Shatner) kaj la eblecon mendi ĝin oni trovas en la hejmpaĝo http://www.incubushefilm.com

## CITAĴO PRI ESPERANTO

En la ĵus aperinta libro itallingva "Quale futuro:umano o disumno?" ("Kiu futuro: humaneca aŭ nehumaneca?"), eldonejo Greco Editori, troviĝas deko da paĝoj pri E-o, prezentata kiel racia solvo de la monda lingvoproblemo. La tuta verko, ampleksante kelkcent paĝojn, estas prezento, laŭ filozofia kaj sociologia vidpunktoj, de la ĉefaj problemoj de la nuna socio, inter kiuj la lingva estas prezentata kiel la unua.

## KONKURSO DE REDAKTADO

Taguatinga Esperanto-Klubo iniciatis tiun konkurson por infanoj de Publikaj kaj Privataj Lernejoj de la Federala Distrikto cele al interesiĝo pri Esperanto. La Regularo-Projekto disponeblas ĉe TEK, Caixa Postal 05 242, Taguatinga, DF. 72001-970.

## ESPERANTO-ELSENDO EN INTERRETO

Ĉu vi iam volis aŭdi fremdlandajn novaĵojn en Esperanto? Ĉu vi iam volis aŭdi belajn esperantajn kantojn en interreto? Aŭ, ĉu vi iam volis propagandi Esperanton pli efike kaj pli aktive? Se jes, bonvolu viziti mian radiostacion, nomata Esperanto-Radio Interreta (ERI). ERI ĉiam atendas vin kun jenaj programoj: Koreaj novaĵoj, novaĵoj el la mondo, belaj esp-kantoj, per kiuj vi pli efike propagandos E-on, akirante informojn kaj amuzante viajn orelojn. Sincere via MA Young-tae, korea ĉefdelegito. http://esperanto-radio.net




## FAUSTO INTERRETE

La internacie konata radiostacio "Deutsche Welle" metis scenon el la ĵus aperinta "Faŭsto" sur sian ret-hejmpaĝon, en Esperanto. La voĉo estas de la prezidanto de E-º-Ligo Berlino, kiu laŭtlegas. www.goethe-bytes.de kliku al Archiv kaj selektu Aus Faust I der "Osterspaziergang" in Esperanto. Por ankaŭ aŭskulti la tekston, vi bezonas iom pli novan version de Real Player.

## PROJEKTO DE MONDA LINGVO

Al popoloj de portugala lingvo ekestas nova PML, kun senpaga kurso de E-º per interreto, iniciate de Egon Breitenbach, Porto Alegre, RS. http://zzz.planetai./com.br/plm

## ZAGREBA METODO

La eldonejo Izvori-Fontoj, unu el la plej aktivaj kroataj eldonejoj, posedata de Damir Mikuliĉi planas baldaŭ eldoni la okan eldonon de la nova lernolibro pri Esperanto, konata kiel Zagreba Metodo. Post 23 eldonoj en diversaj lingvoj, ĉirkaŭ 45.000, la Zagreba Metodo denove aperos en la kroata.

# MOVADO

GEA-GAÚĈA ESPERANTO-ASOCIO

eldonis belegan E-Kalendaron, en koloroj, 12-paĝa kun tekstoj primovadaj en portugala lingvo.

ASOCIO PARAIBA DE ESPERANTO

La 6-an/03/99 elektiĝis la nova estraro, kies solena enposteniĝo okazis la 26-an de marto:

| | |
|---|---|
| Prezidanto | - Maria Hilarina Aires Nunes |
| Vic-Prezidanto | - Carlos A.Ferreira Belém |
| Sekretario | - Maria Teresinha de Oliveira |
| Kasisto | - Jason Gonçalves de Lima |

KURSO EN VOLTA REDONDA, RJ

Alberto Flores, de Volta Redonda E-Klubo informas ke estis interkontakto kun la tiea Asocio de emeritoj kaj pensiuloj, kiu havas 25.000 anojn kaj akordiĝis pri E-kurso en la Centro de Geriatrio José Moura Taylor. La baza kurso daŭros kvar monatojn, unu fojon semajne, dum 01,30 mn. Tri aliaj kursoj okazas diversloke en la urbo, gvide de li, Werneck kaj Milanez. Ankaŭ daŭre A. Flores disaŭdigas en loka radio-programo, ĉiuj lundoj informojn pri E-º, dum 15 mn. ("Rádio Cidadania", 140,5 FM.

CEARAA SAMIDEANO, N-ro 2, 3-4-5/99, informas pri ebleco de enkonduko de E-o en la Universitato de Vale do Acaraí, UVA, CE.

AERĴ kaj KKE

Raportas rilate la 1-an semestro de 99 pri kvindeko da E-sciigoj, artikole, en la gazetaro de Rio de Janeiro.

LINGVA RUBRIKO-nº 20, Majo-99

E-Klubo de Campinas,SP publikigis la tekston "Venu studi la esperantlingvan tribon", de M.Fettes kaj U.Becker kaj proponas tradukon nacilingven por sendado al lingvistoj kaj fakultatoj pri lingvoj. Adreso de EKC: Caixa Postal 120. Campinas,SP 13001-970.

Klubo@esperanto.zzn.com

**UK-2002**

Kandidatas al UK-2002 Brazilo kaj Belgio. La proklamo okazos dum UK-Berlino/99. Vizito de la Ĝenerala Direktoro Osmo Buller, de UEA, al Fortaleza, CE anoncita por Julio-99.

**JUBILEA JARO DE KALEVALA**

1999 estas jubilea jaro pro la 150-jara "nova" Kalevala, la nacia epopeo de Finnlando, kaj la 28-a de februaro ĉiam estas Kalevala-tago en Finnlando. Tutmonde ĉi-jare okazas prelegoj kaj ekspozicioj pri la tradukoj de Kalevala en ambasadoj kaj bibliotekoj. La Esperanta traduko unuafoje aperis en 1964 en la serio Oriento-Okcidento, subvenciata de alilandaj kaj finnlandaj organizoj kaj privatuloj. Ĝi estas represita en 1985 kaj estas daŭre havebla ĉe UEA (22,5 gld).

**AKE KLARIGAS**

Pri la nomo Asocio Kooperativo-Esperantista (AKE):

-Por enkonduki la klarigon pri tiu nomo, ni prenu tri substantivojn: **skribe, maŝino** kaj **klavaro**. Skribo-maŝino aŭ skribomaŝino estas entute substantiva esprimo, kiu entenas la ideojn pri skribo kaj pri maŝino. Alikaze, en la esprimo skribo-maŝina klavaro (aŭ skribomaŝina klavaro), la esprimo skribo-maŝina aŭ skribomaŝina estas entute adjektiva.

-Por elekti la nomon AKE, oni uzis la samajn eblecojn supre montritajn **por mallongigi** la unue pripensitan nomon, kiu estis ASOCIO KOOPERATIVISTA ESPERANTISTA. Tiel oni intencis kunligi la ideojn pri kooperativismo kaj pri Esperantismo en **adjektiva esprimo**, kiu prenis la formon **kooperativo-esperantista**. Bedaŭrinde, kvankam aprobita de kompetenta veterana instruisto, tiu esprimo ŝokas kelkajn aliajn veteranojn. Kio okazus se oni demetus la streketon? Pri tio bonvenas reagoj.

-Aliflanke, oni ne devas pensi pri **asocio-kooperativo** (tiu ĉi esprimo estas entute substantiva), ĉar laŭ la **fake** leĝa terminologio **asocio** kaj **kooperativo** estas malsamaj specoj de societoj; **asocio** neniam bone funkcius kiel **kooperativo**, kaj **kooperativo** neniam bone funkcius kiel **asocio**. Bedaŭrinde la **nefaka** leĝa terminologio konsideras kooperativon kiel speco de asocio. Pri tio kulpas nek AKE nek la Esperantistaro.

**-Pri donaco de Esperantaj libroj al AKE**:

Kompreneble AKE ne povas rifuzi donacon de libroj,ĉar ĝi fakte havas propran bibliotekon. Sed estos **trafe atingita la celo** de ĝia kampanjo "LIBRO DE AKEIO" se la donacont(in)o liveros librojn al la plej vizitataj bibliotekoj de lia (ŝia) urbo aŭ urbeto. Tiel la donacont(in)o ne elspezos monon pro poŝtafranko. Kaj la E-movado ne eslpezos monon por la konservado kaj diskonigado de tiuj libroj.

**-Pri donaco de Esperantaj revuoj al AKE**:

Treege valora helpo al AKE, kiu ilin delonge uzas por la diskonigo de E-o movadcele, precipe ĉe la studgrupoj de ĝi kunordigataj ene de aliaj institucioj.

## 3-a MEMORIGA E-KONKURSO
## "Girolamo Lucchetta"

La konkurso disvolviĝas ekde la 10-a de Majo,1999 ĝis la 25-a de Julio, 1999. Estas necese aŭskulti la plejgrandan numeron de radiostacioj kiuj disaŭdigas programojn en E-o. Ĉiu aŭskultota radiostacio valoras 5 poentojn, se la konkuranto loĝas en la sama kontinento de la sendostacio; la poentaro altiĝos ĝis 10 poentoj se la aŭskultanto loĝas en malsama kontinento. La lokaj sendostacioj en FM (frekvenca modulado) valoros 1 poenton; supozu ke la aŭskulto efektiviĝos malproksime (ne malpli ol 200 km.), la poentaro altiĝos ĝis 15 poentoj. La persatelitaj sendostacioj valoros 2 poentojn. La listo de la aŭskultataj sendostacioj devos esti poŝtekspedita al nia grupo nepre en la limo de la 31-a de Decembro 1999. Se vi aldonos la fotokopiojn de la ASL-kartoj aŭ de la respond-leteroj, kiujn konfirmas la raportiloj pri aŭskulto, la koncerna poentaro kvinobliĝos. La partopreno al la konkurso kostos neniom. Ĉiuj partoprenantoj ricevos memorigan ateston. Al la unuaj kvin partoprenantoj ni sendos premiojn: librojn, softvarojn kaj kromajn radioelsendajn materialojn, inkluzive abonon al "DX's Connection", la monata bulteno de la grupo GAMT. Por helpi la partoprenadon en la konkurso, nia grupo provizas: La liston de la radiostacioj de la tuta mondo kiuj elsendas en E-o kaj ties adresojn; horarojn kaj frekvencojn de la radioelsendoj de la menciitaj sendostaciojn. raportformularojn en E-o. Bv. adresi vian korespondaĵon al la adreso de GAMT: Aŭskultantaro de la Treviza Limprovinco, Casella Postale 3 Succursale 10. IT 31100 Treviso - ITALIO e-poŝto:tzzlorenzi@iol.it

## ESPERANTOLOGIO KOMPUTILE

Komputiloj en la moderna mondo ne plu estas nuraj kalkuliłoj. Ofte oni uzas ilin ankaŭ por lingve komuniki, por prilabori tekstojn , por prepari gramatikojn kaj vortarojn, por tajpi, legi, aŭdi kaj paroli. Iom dramece oni povus supozi ke la futuro de lingvoj dependas de ilia komputila uzo. Tion montras i.a. jena ekzemplo. Grandaj entreprenoj produktegas amasojn da leteroj al klientoj kaj aliaj. Nuntempe oni provas aŭtomatigi la verkadon de tiaj leteroj. Post kelkaj jaroj en la oficeja korespondado oni eble bezonos nur prononci la nomon de la kliento kaj la kategorion de ties problemoj kaj demandoj por aŭtomate produkti adekvatan leteron. Poste la oficisto bezonas nur voĉe klarigi la detalojn al sia komputilo: eĉ tajpado estos nenecesa. La entrepreno ŝparos multe da mono uzante tiajn komputilajn programojn. Tial nuntempe programistoj havas grandan intereson pri ili. Ĉi tie kuŝas grava danĝero por malgrandaj lingvoj. Tiaj programoj estos ekproduktataj nur en grandaj naciaj lingvoj, precipe la angla. Tio siaflanke eble estos argumento por entreprenoj uzi nur tiu(j)n lingvo(j)n en sia ekstera komunikado. Kostos malpli produkti leteron en la angla ol eĉ en la nacia lingvo de la oficisto.

Ankaŭ E-o suferas malavantaĝon: dum oni nuntempe investas miliardojn da eŭroj en la produktado de anglalingvaj iloj, esperantistoj neniam povus trovi malgrandan eron de tiu sumo. La komputilado ŝanĝos ankaŭ la esploradon de lingvoj kaj literaturo. La ekzisto de grandaj tekstaroj, ekz. en Interreto, kaj la ekzisto de komputilaj vortaroj kaj gramatikoj verŝajne ŝanĝos la metodon por multaj lingvosciencistoj. Estos multe pli simple pristudi kiel lingvo vere funkcias uzante komputilojn kaj komputilajn retojn. Ankaŭ la fakto ke multaj eldonistoj prilaboras elektronikajn dosierojn povos esti granda helpo al la esperantologo, se ni sukcesos iel fari tiujn dosierojn alireblaj por esploristoj. Krom tio, ankaŭ la publikigado de tiel akiritaj rezultoj estos multe pli facila kaj malpli kosta, se oni uzos elektronikajn forumojn. La E-movado kaj la esperantologio tial ambaŭ devas ekuzi la novajn rimedojn.

## DIRU NE!

*Vi, esperanto-instruisto,*
*kiam oni postulos de vi per zorge elektitaj ekzemploj kaŝi la malfacilecojn de la lingvo, tiam ekzistas nur unu reago:*
*Diru NE!*
*Vi, administranto de esperanto-asocio, kiam oni postulos de vi falsigi statistikojn por ke la asocio aspektu pli granda, tiam ekzistas nur unu reago:*
*Diru NE!*
*Vi, esperanto-verkisto,*
*kiam oni postulos de vi verki propagandajn pamfletojn anstataŭ amaj kanzonoj, tiam ekzistas nur unu reago:*
*Diru NE!*
*Vi, infano de esperantisto, kiam oni postulos de vi diri enparkeritajn frazojn por trompi ĵurnalistojn, tiam ekzistas nur unu reago:*
*Diru NE!*
*Vi, esperanta sciencisto, kiam oni postulos de vi konfirmi la propagandajn mitojn anstataŭ serioze esplori, tiam ekzistas nur unu reago:*
*Diru NE!*
*Vi, esperanto-amiko en Hamburgo, ŝanhajo aŭ Ĉikago, restos priridata, la publiko ne kredos vin kaj nomos vin sektulo, restos la blindigaj ideologiaj premisoj, iom post iom formortos la samlingvanaro, tiel estos, se, jes se vi ne diros NE.*
*Ziko M. Sikosek*
*laŭ Zolfgang Borchert*
*"Esperanto aktuell", 2/99*



## POLA RADIO AL TUTA MONDO

Nun, kiam Pola Radio 40 jariĝas, la esperantaj programoj fariĝis tutmonde aŭdeblaj pere de interreto: jen bona maniero uzi esperanton ĉiutage. La kvalito de la aŭdebleco estas bona kaj estas alia avantaĝo: ni rajtas elekti kiam ni volas aŭskulti la programon.

Jen kelkaj informoj pri la kadra semajna programo de la esperanto-lingvaj elsendoj de Pola Radio (per la ret-radio la konstantaj programeroj venas unu tagon pli poste, do la lunda "kanzono kun amikaj mesaĝoj venas MARDE, ktp.):

LUNDE: kanzono kun amikaj mesaĝoj;
MARDE: trarigardo de la E-gazetaro;
MERKREDE: Familia magazino;
ĴAŬDE: Kultur-magazino;
VENDREDE: Homoj kaj problemoj (intervjuoj kun diverslandaj e-istoj);
SABATE: Esperanto-ekspreso (aktualaĵoj, intervjuoj ktp. pri movadaj temoj);
DIMANĈE: Leterkesto.
ĈIUTAGE (escepte de dimanĉoj): aktualaĵoj el Pollando; pri kio skribas varsoviaj gazetoj; aktuala komentario.

En la lastaj 4 minutoj aŭdeblaj nur per ret-radio kaj per satelito oni povas trovi E-temojn, komunikaĵojn, ktp.

## SUBTENU LA ELSENDOJN

Skribado al la redakcio estas grava helpo por la subtenado de radio-stacioj. Sendi almenaŭ mallongan mesaĝon por informi ke ni aŭskultis la programojn, informante pri la kvalito de la aŭdebleco, por doni sugestojn aŭ esprimi niajn opiniojn estas por ni rapida kaj facila tasko sed tre bonvena kaj utila por la radio-stacioj.

Jen la adreso de la plej rekta adreso de Pola Radio:
http://www.wrn.org/ondemand/poland.html
La ret-adreso de Andreo Pettyn, estro de la Esperanto-redakcio:
pettyn@radio.com.pl
Kompilis: João Manoel Aguilera Júnior
klubo@correionet.com.br

## MESAĜO DE ANDRZEJ PETTYN

Karaj!

Mi kaptas la okazon por saluti ĉiujn brazilajn kaj ĉiujn ceterajn sudamerikajn gesamideanojn. Ni ĉiuj en Varsovio ege ĝojas, ke niaj elsendoj tutmondiĝis kaj estas ankaŭ aŭdeblaj en Brazilo. Mi memoras, ke dum UK-oj mi multfoje renkontis brazilanoj, kiuj bedaŭris, ke ili ne povas nin aŭskulti. Nun ili povas, se ili havas alireblon al la reto kaj modemon por Real Audio (ret-radio).

Kore salutas vin
Andrzej Pettyn
(Estro de la Esperanto-Redakcio de Pola Radio)



## NEKROLOGO

*Aderson Borges de Carvalho*, en Juazeiro do Norte, CE la 24-an de aprilo, 99 forpasis.

Kiel kunordiganto de la senpaga kurso de esperanto per interreto, CER, mi volas raporti pri esperantisto kiu bone partoprenis la kurson, unue kiel lernanto, poste kiel korektanto. Emocie mi faras tion, memorante pri lia bonvolo. La kvalito de lia agado estis tute bona kaj respondeca, kaj ankaŭ pli merita ĉar ni scias esti malfacile, eĉ por junaj homoj, des pli por maljunaj, alfronti la taskon agi perkomputile. Por kompensi la malfeliĉon perdi tiel bonan samideanon mi havas la fakton scii ke CER permesis al li ordigi konon pri esperanto kaj agi korespondante per interreto kun samideanoj el aliaj landoj. Mi kredas ke li havigis tiel, bonajn momentojn por sia vivo. Kiam li devis halti la respondecon pro malsano, li indikis alian homon por anstataŭi lin kaj daŭrigi la taskon, kiun li reprenis poste, revenante entuziasme. Dum unu jaro li diplomigis tri lernantojn, havis kvin pliajn lernantojn, kaj eĉ estis akceptanta tri pliajn.

*J. Lunazzi.*

## HUMURO

**Antaŭ la juĝisto:**

La ŝtelisto: - Efektive, moŝta sinjoro, mi ne povas nei, ke tiuj dek personoj vidis min ŝteli, sed tio ne estas tiel grava, ĉar mi povas prezenti al vi pli ol dek mil, kiuj ne vidis min fari tion!

# ANONCETOJ

**TAGLIBRO DE KAMPANJO Nº 4**

Temas pri diskedoj de A. Saliba tra larĝskala diskonigado kaj distribuo surbaze de taktiko loĝistika de milito (en la bona senco!), per jenaj planeroj: Noticoj el la Fronto - Okupitaj Teritorioj - Konspiro - 3-a Mondmilito - Gangstero - Fina Batalo.
Kampanjo-Telefono por kontaktoj: Marcos Pimenta mpmt@sti.com.br
La teksto estas sufiĉe longa kaj en portugala lingvo. Kiu interesiĝas pri detaligoj serĉu la menciitan rimedon. Tamen, en la revueto La Lampiro, nº 92, ene de "Boletim Informativo" la teksto aperas entute.
(La Lampiro estas senpaga por EASP-membroj, tamen abonebla aŭ aĉetebla unuope je R$ 2,00.)

**INTERNACIA SOCIETO DE HISTORIISTOJ**

Mi estas historiisto kaj serĉisto. Mi verkas kelkajn artikolojn pri la E-movado de Kebekio kaj pri homaranismo. Mi konstatis ke estis malfacile serĉi dokumentojn kaj informojn pri nia movado, ĉefe en Nordameriko ĉar ni havas nek centralizitajn arkivojn nek reton de serĉistoj. Mi estas konvinkita ke multaj esperantistaj historiistoj alfrontis tutmonde tiun ĉi problemon.
Do, mi proponas al ĉiuj esperantistaj historiistoj (amatoraj kaj profesiaj) fondi fakan societon aŭ reton, kiun ni povus eble nomi INTERNACIA SOCIETO DE HISTORIO aŭ iun ajn taŭgan nomon. Krome, utilas tiu reto por publikigi, eble en elektronika revuo aŭ per aliaj rimedoj, la serĉadojn sub formo de artikoloj, notoj aŭ libroj. Bonvolu skribi al Michel Clément Ph.D.
clementm@altavista. net.
clement.michel@uqam.ca
TTT-paĝo pri historio:
http://www.er.uqam.ca/nobel/k.33440/premier.html

**STUDKAJERO**

Studkajero pri la Manifesto de Prago:Kio ni estas kaj kion ni celas. Komentoj pri la Manifesto de la movado por la internacia lingvo Esperanto. Red. Osmo Buller kaj Renato Corsetti. Grafike aranĝita de Francisco L. Veuthey. Rotterdam: UEA, 1999.
ISBN 92 9017 061 1. 24 p. 30cm.Prezo:5,50 eŭroj. (Triona rabato ekde 3 ekz.)
La kajero taŭgas same por memstudado kiel por kluboj kaj konversaciaj rondoj, en kiuj ĝiaj artikoloj povas esti uzataj kiel enkonduka materialo por komuna diskuto.

# ANKORAŬ LINGUAPAX

La revuo Esperanto, sept/1998, p. 146, raportis pri la projekto Linguapax, starigita de la Sektoro pri Lingvoj, de Unesko.

Nun, en sia numero de nov/1998, pp. 186/188, la revuo, denove, donas al ni vortojn de "El Unesco Sources", kiuj diras ke:
*a) Ĉiumonate estingiĝas unu el la 6000 lingvoj de la mondo; b) tia procedo okazas kiam nacio kun ekonomia, politika kaj milita potenco trudas sian lingvon kiel ĝeneralan komunikrimedon; c) lingvoj povas kontribui al la internacia paco kaj ke tio estas la ideo kiu instigis Uneskon en 1986 lanĉi projekton Linguapax; d) la celo de la projekto estas protekti ĉiujn lingvojn de la mondo, precipe la plej malfortajn; e) sume, ĉiuj lernejoj tra la mondo devus ebligi al infanoj lerni almenaŭ tri lingvojn: sian gepatran, la nacian, kaj iun internacian; f) respondo al perforto estas lerni lingvojn; g) tial Unesko starigis la projekton Linguapax, kiu antaŭenigas pacon pere de lingva instruado."*

Post jam 13 jaroj (1986), nenian plibonigon de la monda lingva situacio mi vidis; kontraŭe, mi vidis malplibonigon. Krom tio, multe da mono certe jam estis konsumita.

Studo de lingvo fremda estu afero individua, de libervola decido, kiel individua estas la decido studi Medicinon, Astronomion, Muzikon, Geologion, ktp.

Ni scias ke en 1887 leviĝis en la mondo neŭtrala lingvo. Sed, bedaŭrinde, ŝajnas ke multaj kleruloj kaj altrangaj instancoj, en ĉiuj nacioj, ne konsideras tion.

Oni memoru ke infanoj de la tuta mondo studas ĝuste minacantajn lingvojn, ne minacatajn, kaj tio, paradokse, fare de parolantoj de minacataj idiomoj. Antaŭ tiu kruda realaĵo, oni povas demandi: Kiel protekti, kiel antaŭenigi minacatajn lingvojn?

Ni, esperantistoj, ja scias ke sen la ideo de neŭtrala lingvo, tiu problemo ne renkontos solvon. Konsekvence, kion ni devas aŭ povas fari? Ni estas malmultaj, kaj multaj laboroj ankoraŭ estas farendaj por ke esperanto estu aŭdata. Diris Zamenhof:

*"Kuniĝu la fratoj, plektiĝu la manoj; al frata la celo ni iru obstine, antaŭen, senfine!"*

Tio, mi pensas, ke estas bonaj vortoj por ni. Linguapax, siavice, estas plano kiu, laŭvide, ne sukcesos konservi la lingvan diversecon.

Euclydes G. Carvalho

# KIEL ORGANIZI BONAN NACIAN ESPERANTO-KONGRESON?

Post la Dua Kongreso de kroataj esperantistoj en LKK el Varazdin volonte listigas siajn konsilojn, esperante tiel helpi al la venontaj kongres-organizantoj... kaj ŝpari iliajn nervojn:

- kontaktu la lokan kaj departementajn instancojn kaj informu ke via urbo fariĝis la organizanto de la nacia kongreso:
- al sama instanco prezentu viajn financajn petojn por helpi en la laboro de la klubo organizi la kongreson;
- klopodu de la samaj instancoj ricevi senpagan elegantan ejon por 120-150 kongresanoj. Kontrolu kiel funkcias mikrofonoj!
- kontaktu Turisman asocion de la urbo, montru prospektojn de aliaj urboj en Esperanto kaj petu ke tiu organizo siakoste presu por vi E-prospekton de la urbo;
- preparu oficialan leteron kiun vi dissendos al aŭspiciantoj por peti monan aŭ materian helpon. Konsultu la liston de aŭspiciantoj en la kongreslibro de la antaŭa jaro;
- dissendu la aliĝilojn por la kongreso kiujn produktis KEL;
- informu la lokajn amaskomunikilojn pri la kongreso (radio, gazetoj, TV kaj preparu mem kelkajn artikolojn, radio kaj TV-elsendojn);
-invitu eksterlandanojn kun kiuj amikas viaj membroj kaj zorgu pri ilia loĝigo;
-interkonsentu detalojn pri la kongresa programo kaj financoj kun KEL;
- ekipu la ejon: akceptejon provizi per listo de partoprenantoj, laŭ kongresnumero kaj grandformata programo de la kongreso;
-preparu specialajn dosierojn pri Esperanto por ĵurnalistoj;
-akceptejon provizu per loko por KEL-kasisto;
-koktelo laŭ eblecoj sed kafoaparato tre gravas;
-prizorgu filatelian koverton de la Kongreso;
-zorgu ke funkciu Libroservo kaj loka E-vendejeto;
-zorgu pri la kongresa fotoservo;
- zorgu pri la ornamo de la urbo kaj la salono (flagoj, banderoloj);
- muzika programo el via urbo (himnoj k.a.)
- ne forgesu ke vi bezonos nacilingvajn invitilojn por gastoj el la urbo kaj ĵurnalistoj;
- dum la tuta tempo de la preparlaboroj vi bezonos komputilon kun E-literoj kaj lertajn komputistojn;
- havu malmultekostan loĝejon por kongresanoj kiuj tranoktos antaŭ kaj post kongreso depende de la eblecoj de la organizanto;
- ne lasu ĉion por lasta tago ĉar gastoj alvenas pli frue ol vi esperas.

NI eble ion forgesis, sed vi ne rajtus forgesi.

Zeljka Ivic

(TEMPO, gazeto de Kroatia Esperanto-Ligo,Sept.98)

# ĈE METODO PER SEMINARIO "A"

Dum la venonta 35-a Brazila Kongreso de Esperanto la brazilaj E-instruistoj kaj esperantistoj kiuj deziras fariĝi E-instruistoj havos la ŝancon konatiĝi kun la unika "Ĉe-metodo per Seminario "A". La Seminario "A" estas oficiala de I.E.I. kaj kostos R$40,00. Tiuj kiuj sukcesos la finan ekzamenon ricevos la "A"-Ateston kaj rajtos partopreni en Seminarioj "B" kaj "C" por diplomiĝi kiel Ĉe-instruisto. La seminarianoj devas kunporti la verkon "Baza Cseh-Kurso" eldonita de IEI.

Pliaj informoj en la paĝo de Internacia Esperanto-Instituto: http://www.esperanto.org/iei

Bibliografio: Deviga literaturo:BARCSAY, Z.:Metodiko en la Praktiko. E-Centro Paderborn k Hungara E-Asocio. Budapest. 1982.CSEH, A.:Baza Cseh-Kurso. Internacia E-Instituto, Den Haag. 1997. CSEH-kursanoj: Konversacia Vortareto. IEI. Den Haag. 1997.

HARRIS, W.: Mazi en Gondolando. IEI. Den Haag. 1995. RAKUSA, R.:Metodiko de la E-Instruado.UEA. Rotterdam.1991. SEPPIK, H.: La Tuta Esperanto. Hungara E-Asocio. TILLEUX-CRAENHALS, G.:Ludi por Ridi, Sonorilo. Wilrijk. 1992. WARINHGIEN; G.: PIV kun Suplemento. SAT. Paris. 1987. ZAMENHOF, L.L.:Fundamento de Esperanto. EFE.Marmande. 1963.

Konsilinda Literaturo: BAGHY, J.:Gramatika Demandara Resumo. Hungara E-Asocio. Budapest. 1982. PIRON, C.:La Bona Lingvo. Pro-Esperanto kaj Hungara E-Asocio. Wien. 1989. SMIDELIUSZ, K.: Memorlibro Omaĝe al Andreo Cseh, la aŭtoro. Szombathely. 1995.

Programo de A-Seminario: Teorio. A) Historio. B) Cseh-Metodo. C) Didaktiko. Ĉ) Instruhelpiloj. D) Gramatiko.

OBSERVO: Dum la Kongreso la seminarianoj havos eblecon (devigan) observi Bazan Kurson de E-o. Kosto de la Baza Kurso: R$10,00.

(D-ro Roberto Rezende, diplomita CSEH-instruisto). <rresende@brnet.com.br>

# KONU LA PANTANALON

De la 12-a ĝis la 16-a de julio ĉi-jare, ni kunfestos la 35-an Brazilan Kongreson de Esperanto, en Kampo-Grando, (portugale 'Campo Grande'), ĉefurbo de ŝtato 'Mato Grosso do Sul'. La kongres-urbo estas nova (fondita la jaron 1918), havas 600 000 loĝantojn, larĝajn avenuojn, belajn placojn kaj parkojn, riĉenhava indiĝena Muzeo, aŭ plibone, ĝi estas vizitinda kaj atendas vin ĉiujn.

Je ĉirkaŭ 150 km nord-okcidente de Kampo-Grando komenciĝas la Pantanalo. Ĝi estas grandega ebenaĵo (150 000 km2), kiu situas en partoj de la ŝtatoj 'Mato Grosso do Sul' kaj 'Mato Grosso', kaj kie kuŝas multe da riveroj kaj lagoj.

Tie oni povas 'ekoturismi' ĝuadi kaj rigardadi la allogajn naturajn pejzaĝojn. Piedirante, surĉevale aŭ per boatoj oni vizitas parkojn, bienojn (multaj el ili havas inter tri kaj kvin mil bovojn) kaj rigardi la tieajn bestojn, arbojn, opeflugantajn birdarojn kaj multajn aliajn ĉarmajn, belegajn naturaĵojn. En la diversaj ekosistemoj de tiu unika regiono vivas granda nombro da specioj de birdoj kaj aliaj estuloj, ekzemple - Birdoj: multkoloraj araoj (grandeco: 30 ĝis 100cm), papagoj, ardeoj, rabobirdoj, strigoj, 'tukano' (ties plumoj estas blankaj, nigraj kaj ruĝaj; ĝia tuta grandeco: 55cm; nur la flava, verda kaj nigra beko: 16cm), tuju'ju'o (blankaj plumoj, ruĝa kolo, 1m alta, konstruas siajn grandegajn, 2m-diametrajn nestojn sur la plej altaĵoj de arboj. Ĝi estas la signo-birdo de la Pantanalo), 'emuo' (alteco: 1,5; pezo: 25 al 35 kg.; ĝi ne flugas, tamen povas kuri je 60 km/h).

Diversaj bestoj: sovaĝaj katoj,hundoj, lupo, jaguaro, kajmano, cervoj, simioj, "bandejra"-mirmekofago (tuta longeco: 1,20m, nur la vosto 90cm; pezo: 30-40kg.; ĝi estas sendenta mamulo, havas vermforman langon, 30-40cm, manĝas nur formikojn kaj termitojn, vivas sole, nomade, kaj dormas ĉirkaŭvolvita per la propra giganta vosto), kanastra-dazipo (la plej granda de la mondo - korpo: 90cm, vosto 50cm; pezo: 55kg; ungegoj de la antaŭaj piedoj: 15cm; ĝi estas nokta besto kaj loĝas en subgrundaj kavaĵoj faritaj de ĝi mem; manĝanta insektojn, vermojn kaj serpentojn). Kapibaro (la plej granda ronĝulo de la mondo: longeco 1,20m, pezo: 50kg; vivas are - po 8 aŭ eĉ 40 anoj je ĉiu grupo, marĝene de riveroj kaj lagoj, manĝanta herbon). Anakondo ne venena serpento, 7 metrojn longa (la Amazoniaj estas pli grandaj), kiu mortigas sian predon per fortega premado; ĝi estas nokta besto kaj vivas preskaŭ la tutan tagon ene de la riveroj kaj lagoj).

Rimarkoj:
Oni povas vojaĝi al Kampo-Grando aŭtobuse aŭ aviadile.
Distancoj:Braziljo-Kampo-Grando: 1150 km
San-Paŭlo-Kampo-Grando: 1050 km
Rio de ĵanejro-Kampo-Grando:1450 km

Pekim Tenorio Vaz



## BR-EVENTOJ-KALENDARO

37-a E-RENKONTIĜO DE SUDPARAIBA VALO
29/08/99 Caçapava, SP

13-a ESPERANTO-RENKONTIĜO DE URBO SAN-PAŬLO
19/09/99. organize de EASP

10-a SUDBRAZILA E-RENKONTIĜO kaj 5-a INTERNACIA KONFERENCO PRI INSTRUADO
13-15/11/99 Florianópolis, SC
organize de EASC

IV-a DIMANĈO ESPERANTISTA
CE "Yvonne Pereira", 12/12/99
Rio das Flores, RJ. Rua Meggiolaro,104
Bairro dos Ingleses-27660.

**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**

Caixa Postal 03625
BR-70084-970 - Brasília (DF)
Telefono (061) 226-1298 - Fakso (061) 226-4446



**BRAZILA ESPERANTISTO**



CAIXA POSTAL 269 - BR - 12460-000
CAMPOS DO JORDÃO/SP - Tel./Fakso - (012) 262-1983




# ANKORAŬ ESTAS TEMPO KURU AL LA 35ª!

LA KNABO FRENEZETA

Ziraldo







